Xª jaro. Nº 156 (20) ☆ Duonmonata ☆ 5 Novembro 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

| | | |
|---|---|---|
| Jara abono | 2. — Sm. | (5 fr. —) |
| Luksa eldono | 2. 50 Sm. | (6 fr. 25) |

*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*

REKLAMO

| | | |
|---|---|---|
| Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) | 20 Sd. | (50 ct.) |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 16 Sd. | (40 ct.) |
| Korespondado (1 enskribo) | 20 Sd. | (50 ct.) |

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

# MARĈANDADO DE LABORO

La eksigo de oficisto el mia servo kondukis min neantaŭvidite al batalo, kies furiozajn formojn oni kutime certe ne ĝuste imagas. Ĝin vekis anonco publikigita de mi en la reklamparto de Berlina ĵurnalo, per kiu mi serĉis sinjorinon por laboroj en mia oficejo. Ĉar ŝparo estis rekomendinda, mi estis skribinta mallongan tekston; mi lasis elekton pri certa daŭro de okupado. Por iel apartigi mi estis aldoninta, ke la sinjorino estu klera, kaj mi estis citinta posttagmezan horon por sinprezentado.

Je la fiksita horo kolektiĝis ĉe mi aro de sinjorinoj, kiuj alvenis tiel rapide unu post alia, ke mi el la rapide sinsekvantaj sonoriltiroj preskaŭ aŭdis ankoraŭ la elĉerpitan spiron, kun kiu ili volis esti la unuaj. La plej decida estis veninta jam antaŭ la fiksita horo; kelkaj estis skribe anoncintaj sian aperon, aliaj estis petigintaj amikojn aŭ konatojn de mi, ke mi konsideru ilin kiel iliajn protektitojn.

Kiam mi la unuan petis eniri, proksimume ok estis kolektiĝintaj en la ĉambro por akcepto. Prezentiginte al mi la atestojn, mi akompanis ŝin eksteren, kaj nun la nombro de la atendantinoj estas grandiĝinta ĝis dekok, sen ĉeso de signaloj de la sonorilo. Tiuj sinjorinoj efikis kiel amaso, kiel neelĉerpebla korbo da fruktoj, tra kiu mi devu tramanĝi. Kiam mi estis aperinta en la ĉambropordo, ĉiuj okuloj kun timiga intenseco sin direktis al mi; per sia rigardo ili ŝajnis ŝiri el mia muteco respondon, ĉu mi jam elektis; sed per la ardo de siaj okuloj ili certe deziris ankaŭ engravuri sian fizionomion en mian spiriton, tiel ke mi ne decidu por iu alia, antaŭ ol ili persone sin prezentis al mi. Krom tio ilia atento direktiĝis ankaŭ al mia persono; ĉar ili eble devos labori sub mia estreco, ili volis scii, kiu mi estas; el la eksteraĵo, la konduto, la parolo ili legis min kaj trovis kapricon aŭ toleremon, severecon aŭ paciencon en la malkaŝitaj al ili vizaĝotrajtoj. La intenseco de tiuj duoblaj dekok okuloj estis tiel forta, favorata de la duonlumo de la atendejo, ke mi nepre pensis al tiuj domoj, kie ĉiu viro enirinta estas ĉirkaŭata de ok aŭ dek knabinoj kun multaj proponoj.

Estis klare, ke la sinjorino, kiu la unua estis aperinta, estis antaŭa. Ŝi estis trankvila, ŝi sciis, ke ŝi ankoraŭ ne devas mortbati iun ombron; objektive ŝi respondis kaj hezitis nur, kiam mi demandis pri la salajro. Ŝi nomis moderan sumon, mi ĝin notis, sed ĉe la pordo, kiam mi al ŝi certigis, ke mi skribos al ŝi dum la sekvonta tago, se mi povos dungi ŝin, ŝi diris, ke, se ŝia postulo eble malutilus, mi pro tio ne rifuzu ŝin.

Kio plu okazis, estis tia, ke oni havis la senton, kvazaŭ homo en tiu ĉi granda Berlino fine ne valorus tri nikelajn monerojn. En tiu ĉi urbo ekzistis laboremaj personoj, kiuj la plej nesufereblajn kondiĉojn de laboro sentis ankoraŭ kiel dimanĉan amuzon. La propono de la plej mallonga tempo por tagmanĝo ŝajnis al ili agrabla balancilo, la neceseco de nesufereble longa vojo aperis kiel veturado sur karuselo. Ili estis malsataj kaj ŝajnis pretaj por manĝi vitrerojn, lignerojn kaj, se necese, ferajn najlojn. Oni demandis min, ĉu mi donas okupadon dum tutaj tagoj, kaj oni tre konsentis pri tio; kiam mi poste dubebligis ĝin, okupado dum duono de tago estis deklarata tiel same dezirata. Mi demandis pri la salajro kaj ricevis diversajn proponojn, ĉiu posta

estis malpli alta; aŭ oni hontis postuli kaj demandis, kion mi proponas; mi diris laŭvere, ke mi ricevis proponojn inter tiu ĉi kaj tiu sumo, kaj tuj oni konsentis al la malplej alta grado. Precipe surprizis min virino, kiu estis antaŭe ricevinta la duoblon de tiu salajro, kiun mi en la plej favora okazo povis pagi. Kiam mi diris, ke ŝi, laŭ la longa daŭro de ŝia okupado, estas persono, kiu povas havi pretendojn, kiujn mi ne povas kontentigi, ŝi rediris, ke se ŝi pli multon povas plenumi, tio ja ne povas esti kaŭzo por rifuzi ŝin, kaj volonte ŝi sin metis en la aron de la plej fervoraj aspirantinoj.

Junulinoj de dekses jaroj sin proponis al mi, ĝis virinoj, kiujn mi taksis en la mezo de kvardek, virinoj ne edziniĝintaj kaj virinoj eksedziniĝintaj, homoj tute freŝaj, fortaj, kaj homoj rezignintaj, virinoj aventuremaj kaj virinoj malvirtiĝintaj. En la ejo , kie ili kolektiĝis, devis esti tiu sama sento, kiel en la atendejo de polica arestejo, kie kelkfoje virtulino troviĝas apud krimulino. Ili estis filinoj de oficistoj malaltaj aŭ mezrangaj, sed ankaŭ parencinoj de advokatoj kaj de juĝistoj, filinoj de komercistoj kaj filinoj de inĝenieroj. Aliaj estis tiaspecaj, ke oni jam ne volis demandi pri iliaj gepatroj, tiel memstaraj ili jam ŝajnis. Ĉiu el ili havis paŝon kaj voĉon, kiujn ŝi estis preparinta por si, kaj per kiuj ŝi provis konvinki; sed ju pli ili malfruiĝis, des malpli certaj ili iĝis, ili ekforlasis sian paŝmanieron, kaj la vortoj falis preter ilian voĉon; kelkaj el ili eĉ lasis, ektiminte, kiam ili eniris ĉe mi, la pordon malfermita, kaj kiam mi ĝin fermis, ili estis tiel embarasitaj, ke ili opiniis jam per tiu mallerteco esti perdintaj ĉiun sukcesesperon, kvankam ilia fatala ago ja devus kortuŝi min.

Ili sidadis antaŭ mi, mi serĉis en ilia vizaĝo, kaj strange estis, kiom la sento de elektebleco fortigis miajn povojn. Pli bone ol aliokaze mi sukcesis, mi legis el iliaj vizaĝotrajtoj, mi malakceptis kaj elektis.

El kelke da vortoj kaj datoj, rigardoj, vestoj, ekkoniĝis tutaj karieroj, kaj samtempe la neelĉerpebleco de la ekzistado, la freneza malŝparo de homofortoj trafluis min kiel ebrio.

Dum tio la konkuro en la antaŭĉambro estis tiel multobliĝinta, ke kvar aŭ kvin venintaj tro malfrue, apenaŭ enirinte, senespere forlasis la ejon. Eble dum tuta horo ili estis veturintaj ĉi tien kaj devis samavoje reveturi. Aliaj freneziĝis, senĉese pripensante, ĉu ili atendos ankoraŭ unu horon. Ili jam parkere sciis la fizionomiojn de siaj konkurantinoj kaj ankaŭ ne povis plifortigi sian malamon. Ĉu ili ankoraŭ unu fojon devus toleri la tiel ofte suferitan honton, eniri por kelke da minutoj ĉe tiu viro, kiu postulis ilin, senti liajn okulojn sur ili, deklami sian pasinton kaj sian deziron senkonsole kiel sentencon, tiam forlasi lin, ne rifuzitaj sed ŝarĝitaj per espero, per tiel malgranda grajno de espero, ke ili ja sentis: tiu grajno neniam ĝermos?

Ĉar, ke ili estas palpataj, ke ne nur iliaj atestoj sed ke iliaj vizaĝo kaj korpo estas kunkalkulataj, tio ne estis kaŝita al ili. Pli grave, aŭ same tiel grave kiel la kapablo, decidiĝis la eksteraĵo, agrabla aŭ malpli agrabla, kaj escepta beleco aŭ alloga pikanteco estis en la ofico same tiel malutilaj kiel korpa difektaĵo, ĉar kiu riskos senutile allogon, kiun li devos kontraŭstari? Aro de la venintinoj konsideris sin jam ne belaj, kaj la plej malbelaj estis pretaj por diri, ke ili aliamaniere kompensos tiun ĉi mankon.

Akceptinte dudekon da sinjorinoj, mi diris, ke mi rifuzas vidi aliajn, kaj la lastaj, adiaŭitaj en tiel malĝentila maniero, forlasis min kun videble granda ĉagreno. Kelkdudek homoj iris nun de mia ĉambro for, tra la urbo, ĉiuj sur malsamaj vojoj. Multaj prokrastis la vojon hejmen, ĉar la espero ŝajnis al ili tro malgrasa, kaj ili volis dum tiu ĉi tago ankoraŭ travivi ion, kio helpos al ili. Aliaj estis venintaj sen espero kaj tial ne seniluziigitaj, kiam ili sen espero foriris. Sed la malpleno turmentis ilin, la sento de sencele pasigita horo, kaj la plej multaj ne povis suferi hejme la demandon pri sukceso. Por eviti ĝin, ili iris en sukeraĵejon kaj eksidis al frandaĵo, aŭ en magazenon, kaj aĉetis iun malkaran bagatelaĵon. Dudekkvar sinjorinoj estis ĉe mi, kaj, se aritmetiko nur iom valoris en ilia vivo, ili devis diri al si, ke, nek favorate de feliĉo nek persekutate de malfeliĉo, ili nur post dudekkvar vizitoj akiros oficon, se eĉ nur tiom da aspirantinoj ĉeestos, kiom da oficoj estos senokupaj.

Post kiam ĉiuj forlasis min, sinjorino iom maljuna anoncigis sin. Mi akceptis ŝin, pensante, ke ŝi venis por konsulti min. Ŝi estis la patrino de tiu sinjorino jam notita por la ofico, kiu la unua prezentis sin kaj plej bone plaĉis al mi pro sia prizorgita kaj orda eksteraĵo. Ŝi rakontis pri sia filino, ke tiu tiel deziris ricevi la oficon kaj hejmen venis nekonsolebla pro la amaso de aspirantinoj kaj pro sia tro alta postulo. Ke ŝi estas tute cedema koncerne la salajron, tio tuj estis videbla, kaj, estante gaja sinjorino, ŝi deklaris, ke ŝi tre multe ŝatus, se ŝi sian filinon povus akceptigi de mi kaj de neniu alia. Mi ne scias, kio helpis al mi por tiu distingo, sed, ĉar ŝi persistis, mi estis venkata de ŝia energia petado kaj elektis la junulinon prezentitan de ŝia patrino.

Kiam la estanto estis for, mi ekmeditis: ĉiu el la bedaŭrindaj dudekkvar sinjorinoj havis antaŭ si dudekkvar vizitojn, se ŝi eĉ nur iun mizeran oficon volis akiri. Mi konscience demandis min, ĉu io ekzistas, pro kio mi sen sukceso farus dudektri vizitojn, kaj klare estis al mi, ke mi ne estus kapabla, fari eĉ nur tri el ili, kaj, se la demando eĉ estus pri mia pano, mi ne persistus ĝis la oka. Kia kuraĝo, kia senlaceco, kia sinobjektigo de homo, kia sinforĵeto de persono!

Sed eĉ pli peza fariĝis la meditado, kiam mi pripensis: pro kio okazis la konkuro? Ĝi ja estis tio: al junulino estu donata okazo, labori en oficejo por konvena salajro. Ŝi ne sciis, ĉu la laboro estos facila, nek, ĉu ĝi estos malfacila, neniu el ili min konis, tamen ĉiu veninta estis restonta; mi povus promesi, kion kaprico sufloris al mi, kaj de la duono el ili mi ne estus rifuzata. Kaj ili devus plenumi laborojn, kies sencon ili ne komprenas, kiuj kun aparta zorgemo estu stenografie notataj kaj per maŝino skribataj, seninteresaĵoj, kiujn multaj homoj, eĉ komprenantaj ilin, furioze malamas. Tiujn senvivaĵojn, ĉe kiuj ilia prudento ekdormas kaj la koro frostas, ili devus kapti per la nervoj de la fingroj kaj fiksi per la pintoj de la fingroj; se ilia interna homo indignante sin forigas kaj la ekstera kun malkorektaĵoj skribas frazon, ili devus toleri la plej akrajn riproĉojn, se eble pliaj horoj estas postulataj, tralabori ilin por modesta honorario — ĉio, por doni al la gepatroj la malgrandan monsumon, kompense de kiu ili povas resti ĉe ili, aŭ por akiri, post depago de la veturmono kaj de aliaj elspezoj, la modestan sumon, por kiu ili manĝas kaj dormas en luita ĉambro, ilia sola ĝojo la interrilatoj kun kelkaj amikinoj, aŭ — la plej intime serĉataj, tamen evitataj pro timo aŭ certe iel malfeliĉe finiĝontaj — la interrilatoj kun amiko. La urbo, kiu tion indulgis, kiu dekmil tiajn homojn metis ĉiutage en tian situacion, tiu urbo devis esti monstro de vivavido kaj de vivofuriozo, se tamen ĝiaj burĝoj ne ribelis sed silente restis en siaj ĉambroj kaj vespere amase iris en la publikajn amuzejojn, dankaj por ĉiu gaja melodio, kiu ree ŝaŭmigis en ili la propran melodion de l'ekzisto. Kelkfoje mi estis forgesinta, kio plenigis ĝis meze de la nokto tiujn ejojn, kaj mi fariĝis silenta, vidante, kiuj amase rapidas al ili. Tiuj teatroj de pompo, tiuj kafejoj kun muziko, tiuj varieteoj kaj dancejoj ŝajnis al mi subvenciitaj kaj subtenataj de ni, en kies servoj estas tiuj junulinoj.

*Marteno Beradt*

Trad. *Johann Schröder* (Wien).

 SOCIA VIVO 

## Al la lando de miaj revoj

IV

Jen la *Basela* stacidomo. Estas jam la kvina posttagmeze. Mi malsupreniras kaj ho feliĉo! Antaŭ mi stariĝas maljunulo kun esperanta signo sur la brusto: „Ĝi estas uzata nur en similaj okazoj, respondis al mia miro la afabla Del. S-ro Rusterholz. Per tramveturilo ni atingis la Esperantan hotelon. Post malgranda ripozo — trinkinte por la sano mi ne scias de kiu — ni eliris trarigardi la urbajn vidindaĵojn. Belaj stratoj, monumentoj kaj ĉarmaj vidaĵoj desur la Rejnaj pontoj vespere. Basel estas tre komerca urbo. Ĉi tie unuan fojon Monarkia Eŭropo konsentis trakti kun la Respubliko, kiu pligrandiĝis trans Rejno.

Post vespermanĝo mi estis feliĉa ĉeesti vespere esperantan kunvenon, kie mi konatiĝis kun kelkaj gesamideanoj. Tie ĉi mi estis invitita fari kvazaŭ paroladeton pri la Balkanaj aferoj, post kio ni faris agrablan promenadeton en la urbo. Poste kun du junaj kaj tre fervoraj samideanoj ni vagis tra la urbo ĝis postnoktmeze. Min tre mirigis la granda silenteco de l'urbo. Oni diris al mi, ke ĉi tie estas kutimo kuŝiĝi je la dek-unua kaj tial post tiu horo preskaŭ ĉie regas tomba silento. Ni ankaŭ iris imiti ĝin.

La morgaŭan tagon, frumatene venis denove la tre afabla Delegito, kiu min kondukis stacidomen. Dio, kiel afablaj kaj servemaj estas la esperantistoj: mi jam ne bezonas kuri sola kaj pene demandi klarigojn pri forveturo k. c. La lampo de Aladeno ne povis helpi al mi pli ol la verda steleto.

Kaj veturante jam al la celo de mia vojaĝo, maŝinsimile traflugis en mi la tre pravaj vortoj de nia eminenta samideano Privat diranta, ke antaŭpostenoj de la novefondita regno „Esperantujo" jam estas starigitaj, ke bonaj amikoj jam dejoras sur la vojo tra la vasta mondo.

Ekstere jam plene tagiĝis. La vagonaro denove ruliĝas sur la glata vojo, tamen kvazaŭ por inciti mian senpaciencon, ĝi, ŝajnas al mi, ne tiel rapidas. Fine ni trapasas la landlimon. — *Delle, tout le monde descend!...*

Jen la unua franca stacidomo. Mi sentas la spiron de l'franca aero. Jam finiĝis. Mi malsupreniras, kaj post revizio, atendante la vagonaron mia scivolemo min puŝas al la urbeto. Jen, mi estas en Francujo, trapasas en mia kapo legante la franclingvajn surskribaĵojn. Kia ĝojo plenigas mian batantan koron, mi kvazaŭ renaskiĝas.

La formoj denove ŝanĝiĝas, la vagono subite pleniĝas de francaj vortoj kaj ŝercoj — pli kutimaj, pli proksimaj, pli konataj, kaj la vagonaro furioze flugas. Ĝi pasas preter malriĉaj kaj nebelaj loĝlokoj. Ĉe la penso, ke nur post kelkaj horoj mi estos en Dijono — la celo de mia vojaĝo — mia koro tremas... Dijono!... Kiel klare aperas nun en mia memoro la leciono de literaturo, kiam en la gimnazio nia profesoro rakontadis al ni pri la filozofo Jean-Jacques Rousseau, kronita de la *Dijona* akademio... Tien, tien mi iras, mi ĝin vidos — tiun faman akademion. Ne granda halto ĉe la *Besançon'a* stacidomo, kie la vagonaro prenas novajn pasaĝerojn. Tie ĉi mi akiris novan kunvojaĝanton: francan sinjorinon, revenantan el Germanujo kaj celantan ankaŭ Dijon'on. Mi profitis la okazon praktiki miajn lingvajn konojn kaj mi komencis agrablan interparolon, kies finiĝo devis esti — kiel ĉiam — la propagando de nia „kara...".

De tempo al tempo videtiĝas ekstere iu granda blua reklamo pri „Chocolat Menier" aŭ pri „Bénédictine" kaj kelkaj vilaĝetoj kaj urbetoj; preskaŭ ĉiuj ŝajnas tiel malnovaj kaj nebelaj, ke por tiu, kiu venas el Germanujo, ia disreviĝo altiĝas ĉe la memoro pri la germanaj urboj. Kaj denove la furioza kurego de l'vagonaro, la griza ĉielo kaj en la animo ia alarmo, kaj timo, kaj malĝojo, kiel ĉiu atendata fino.

Ni ĉiam flugas. Fine — en la malproksimeco malkovriĝas neelrigardebla vasteco de tegmentoj — la suno ekridetas desur la heliĝinta jam ĉielo — kaj la lokomotivo longe fajfas, la vagonaro serpentumas inter aliaj vagonoj de ambaŭ flankoj.

La vagonaro malrapide eniras en la urban stacidomon, kie min atendas tiom da konataj nekonatajoj. Jen, vera ĝojo, mi tuj ekvidas mian korespondantinon atendantan ĉe la elirejo; mi ŝin tuj rekonas laŭ la antaŭsendita fotografaĵo, kaj mi kuras al ŝi respektoplene.

— Bonan tagon, sinjorino!... kaj mi elbalbutas aron da vortoj...

— Malrapide, malrapide, mi petas. Mi ne estas lerta esperantistino, respondas ŝi modeste, kaj kiel fratino min alkondukas al la stacidoma konservejo, kie mi lasas miajn pakaĵojn. Poste ŝi kondukas min al la sekretariejo de la Protekta Komitato de fremdlandaj studentoj, kie mi prezentas min kaj ricevas kelkajn paperaĵojn. Mi poste estas direktata al S-ro prof. Lambert, dekano de la filologia fakultato kaj konata malnova samideano, kunfondinto de *„Esperanto"*. Mi estis mirigata de la tre granda afableco, per kiu li nin akceptis kaj informis min pri kelkaj utilaj aferoj, post kio ni ekmarŝis al la de li rekomenditaj loĝejoj: mi volis en unu tago fari ĉion.

Post kelkaj tagoj mi ĉeestis Esperantajn kunvenojn, kursojn, dum kiuj mi havis la plezuron konatiĝi kun la Dijon'a geesperantistaro. Neniam mi forgesos la afablan akcepton de S-ro Boirac, kun kiu mi tiel ofte nun parolas en nia kara lingvo. Mi estis kelkafoje invitita fari publikajn paroladojn pri „La Balkana Milito", kaj mi tre admiris la francan scivolemon, interesiĝon, simpation.

Ĉiuj estis tiel afablaj, ke fine mi komencis timi, ke baldaŭ elĉerpiĝos la provizo de miaj dankoj. Nun mi klare revidas la veran esperantan senton, kiu regas kaj kunigas la esperantistojn. Oni diru, kion oni volas pri Esperanto, sed ni ja restos ĉiam plej grandaj kaj fervoraj defendantoj de nia kara, nobla, kunfratiga afero!"

Esperantismo ne estas vana vorto!

*I. H. Krestanof* (Dijon).

---

## Tra Firenze

Rapidaj impresoj

I

Roma, per ruinoj nemortemaj, mentale revivigas la majestan grandecon de l'praavoj itallandaj, iam regintaj la mondon. Firenze, per la arto kiun ĝi gardas, al ni vidigas, ke la nepoj ne estis malindaj je sia glora deveno.

Vizitante Italujon, neniu povas resti indiferenta antaŭ la artaj trezoroj, kiujn tiu lando posedas. Tie, por kompreni la belecon de l'arto kaj por ĝui ĝian sugestan potencon, ne estas necesa speciala arta kulturo aŭ preparaj studoj, ĉar la artaj ĉefverkoj estas ĉiupaŝe tiel malŝpareme dissemitaj, ke oni fariĝas senpene kaj preskaŭ senvole fervora artamanto.

Firenze estas la urbo, kie plej frapante oni spertas la verecon de tiu ĉi aserto. Neniu loko en la mondo, mi kredas, enhavas pli da artaĵoj ol Firenze, en sia relative malvasta etendo. La historio de l'tuta arto estas tie mantuŝe prezentata, kaj tiel abunde, ke oni ne povas fari paŝon, ne frapite de iu arta monumento.

Kian variecon de impresoj oni ĝuas trairante la stratojn de la urbo! La gaja kaj bruplena vivmaniero de la italoj vin distras komence, kaj vi ne povas dediĉi tutsubite vian atenton al la arto senmova: antaŭ ĉio, vi devas admiri la arton vivantan. Kaj senpere vi rimarkos ke, en Firenze, la italaj artistoj, kiuj kreis tiom da bildoj kortuŝantaj, ne bezonis penadi tro multe por trovi modelojn indajn esti eternigataj sur la tolo!

La babilado bruetanta ĉirkaŭe vin allogas kaj ĉarmas: estas la lingvo itala en ĝia plej pura riĉeco, kiu tie ĉi en Firenze estas parolata; kaj pro la belsona modulado de l'voĉo, propra al la Toskanoj, oni kredus aŭdi plivole kanton ol parolon.

Ĉio estas vigla kaj gaja; la vivo mem ŝajnas pli malpeza ol aliloke; malofte vi renkontas viron aŭ virinon kun malĝojaspekta vizaĝo, kiu alparolas vin malafable. Plivole, ĉiu amas ŝerci, aŭ, se iu koleriĝas, li elkrias spritajn malĝentilaĵojn. La bonhumoro ne mankas eĉ en komerco. Ofte vi povas legi grandlitere: „Katastrofa vendado de ŝuoj". Sur la strato, vi estas surdigita de l'kriado de la jurnalvendistoj, aŭ ravita de ĉarma ario de ia toskana popola kanto, aŭ... ĝenita de iu fremdogvidisto, kiu volas altrudi al vi siajn servojn kaj siajn bildojn, precipe se via sintenado konjektigas, ke vi ne estas Firenzano.

La strataj buboj estas famaj pro sia sprita ŝercemo; kaj vi povas esti fiera pri vi, se vi neniam ekscitis ilian akran kritikan senton!

La publikaj oficistoj estas, kiel cetere ĉie en Italujo, plejparte junaj, kaj la rilatoj kun ili ne estas tiom ĝenaj kaj premantaj kiel Norde. La kompleza tramkondukisto vin sciigas zorge pri la novaj okazintaĵoj; la urba gardisto estas feliĉa iom babili kun vi pri la vetero kaj pri la voĉdono universala; eĉ la militistoj, ankaŭ oficiroj, kiuj en ĉiu alia lando estas pli malpli netoleremaj, havas tie ion hejmecan kaj koran, kiu plaĉas kaj igas ilin simpatiaj.

La urbo mem havas nenion komunan kun tiaj urboj, kiujn oni vizitas rapide, preskaŭ pro nura scivoleco kaj eble nur por povi diri: „mi estis tie". Firenze estas urbo esence hejma: la afabla kaj gaja karaktero de ĝiaj loĝantoj aperigas tiun ĉi econ jam de la unua momento post via alveno kaj forgesigas al vi, ke vi estas en fremdujo.

Kaj kiam, poste, vi promenas tra la stratoj kaj rigardas la palacojn, la domojn, la monumentojn, ĉio ŝajnas al vi ne fremda aŭ stranga, sed kutima kaj konata. La urbo aliformiĝas spirite antaŭ viaj okuloj. Ondo de memoraĵoj ĉiuspecaj, ĉu artaj aŭ historiaj, superŝutas vian cerbon: la tuta urbo tiam komencas paroli: la objektoj, kiujn vi vidas, ne ŝajnas al vi malvarmaj simboloj de arto, sed estaĵoj vivantaj, kiuj rakontas al vi sian historion. En kelkaj stratoj moderna vivo fluadas; en la aliaj, pli dezertaj kaj silentaj, la spiritoj de l'Granduloj ŝajnas flugeti ĉirkaŭen, elirinte el la verkoj senmortaj faritaj de ili... Kaj kiel en revo, trairante preter la domoj kie ili loĝis, laboris kaj mortis, vi imagas vidi iliajn ombrojn, tro amintaj la patrujan loĝejon por ĝin forlasi postmorte.

Jen la domo kie naskiĝis Dante Alighieri, la granda nacia poeto, la iniciatinto de la nunforma itala lingvo. Tie li amis kaj suferis, li batalis kaj laboris, tie li konceptis la verkon, kiu estas unu el la plej mirindaj dokumentoj de homa scipovo: la Dian Komedion. — Ankor'hodiaŭ, post sescent jaroj, li parolas per ŝtona, neforigebla voĉo al preteriranto: kaj tiu voĉo estas „aŭdebla" tra la tuta urbo: nome, la plimulto el la marmoraj ŝildoj, kiuj, sur la domoj rimarkindaj, glorlaŭdas iun fakton aŭ rememoras historieron, enhavas citaĵojn de Dante, ĉar li, en sia verko senmorta, knniganta ĉion tiam sciatan, priskribis plej reliefe la ĉefajn epizodojn de la Firenza historio, pasinta aŭ travivita de li.

Jen la domo, kiu ŝajnas tro eta por esti enhavinta la ampleksan kaj multeforman genion de Leonardo da Vinci: tie, eble, ĉe tiu fenestro, li, antaŭ kvarcent jaroj, kalkulis kaj kunmetis la unuan flugmaŝinon, la praulon de l'moderna aeroplano; kaj tie, verŝajne, li kreis sian „Gioconda", kiu, per la nevelkema juneco, kiu ŝin ĉirkaŭkronas, ensorĉis lastatempe iun maniulon... Kaj en tiu domo modesta kaj malnova, Benvenuto Cellini, la reĝo del' ĉizistoj, fandis, post venko de sennombraj malhelpoj, sian ĉefverkon, la Perseo'n. Fulmotondro, brulado, malsano insidis lian laboron; sed li persiste volis kaj sukcesis. La bela bronza statuo staras nun fiere sub la „Loggia dei Lanzi" kiel simbolo de genio kaj persistado. Tie Michelanĝelo projektis siajn grandiozajn ĉefverkojn, kaj tie ĉi Rafaelo pentris siajn tolojn ravantajn...

Kaj tiel, paŝo post paŝo, ia objekto kaptas vian atenton kaj vekas aron da rememoroj. Vi staras aŭ iras ĝuste tie, kie iafoje staris aŭ iris tiu Grandulo, pri kiu vi tiom multe aŭdis aŭ legis!

Ĉiu angulo havas sian signifon, sian revokon al pasinto. Super ĉiu arta kreaĵo frapanta viajn sentojn, flirtas la nomo de l'genio, kiu ĝin elpensis.

La konstruaĵoj majestaj igus superfluaj la statuojn starigitajn por honorigi la arkitektojn: iliaj verkoj plenumus plej inde tiun taskon! — S. Maria del fiore, kia imponeco superhoma!

*(Daŭrigota.)* *Inĝ. Samblich* (Trieste).

## Maŭriaj moroj

Antaŭ kelka tempo mi ĉeestis unikan spektaklon de akvaj sportoj. Tio estas la „Ngaruawahia Regatta". Ĉiujare okazas tiu festeno de Maŭriaj[1] sportoj ĉe la urbeto „Ngaruawahia" kaj ĝi estas unu el la nun maloftaj okazoj kiam oni povas vidi la indiĝenojn de Nova Zelando kiel ili aspektis dum la antikvaj sovaĝaj tempoj de la Maŭria Milito (kiam ili estis ankoraŭ kanibaloj).

Ngaruawahia (t. e. la kuniĝo de la du riveroj), kiel montras ĝia nomo, estas bone lokita por boataj kuradoj k. c. Ĝi staras sur la bordo de la Waikato Rivero, ĝuste ĉe la loko, kie tiu kaj ĝia tributa rivero la Waipo kuniĝas. Ĉiuj kuroj komenciĝas sur la Waikato kaj finiĝas sur la Waipa; ambaŭ riveroj estas larĝaj kaj profundaj.

Priskribi la tutan aferon bezonus tro da loko; tial mi pritraktos nur la ĉefajn okazintaĵojn. Unue tre interesa estis la obstakla kanota kurado; en ĉiu kanoto sidas unu viro; li devas iri definitivan distancon, laŭlonge de kiu estas fiksita serio de baroj el bastonegoj subtenataj de stangoj aranĝitaj ĝuste super la supraĵo de l'akvo. La kanoto devas iri super la baro kaj la viro sub ĝi; kaj lerte ili ĝin faris. Pli poste estis aliaj similaj kuradoj por „wahines" (virinoj), kaj viro kun virino duope; sed tiuokaze ili devis resti en la kanoto dum la transsalto de l'baro.

Alia tre interesa kurado estis tiu por kanotanaroj de dek „wahinoj" (virinoj); tre bone kaj rapide ili irigis siajn kanotojn kaj ridigis la rigardantojn per siaj penoj malhelpi siajn kontraŭ-kurantojn fuŝante kaj ektuŝigante la kanotojn; dum du kanotanaroj tiel „ludis" alia rapide iris antaŭen kaj gajnis la premion! Tiam okazis kuradoj por Maŭriaj knabinoj en kanotoj unuope.

Sed la „najlo" de la tuta prezentaĵo sendube estis la kuradoj de la grandaj milit-kanotegoj. En ĉiu kanoto sidis de 20 ĝis 37 bravuloj, aranĝitaj duope, kaj en la mezo staris ĉefo, kiu invitis la remantojn kaj zorgis, ke ili kon-

[1] Maŭrioj estas la nomo de la indiĝena loĝantaro de Nova Zelando. *(Red.)*

servu la takton. En la mano de ĉiu estis remileto, kaj ĉe la ordona vorto ĉiuj remiletoj eniris la akvon kune, kaj la kanoto saltis antaŭen. Belega vido estis ĉar ĉiuj brakoj moviĝis kune kvazaŭ impelataj per unu maŝino. Tiel aspektis la milit-kanotoj kiam la Britoj unue invadis Novan Zelandon kaj devis batali kontraŭ la tiamaj sovaĝuloj. La viro, starante meze de l'bravuloj, treege ekscitiĝis dum la kurado kaj kriis, faris gestojn, kaj ĉiel incitis sian kanotaron; la gajnintoj nur venkis per mallonga distanco, kaj la Maŭrioj inter la rigardantoj preskaŭ freneziĝis de ekscito.

Preskaŭ egale kun la supro por intereso estis la kurado ĉevale trans la Rivero Waikato. Estis 6 aŭ 8 ĉevaloj kun iliaj rajdantoj. Ĉiu devas eniri la akvon sur la ĉevalo kaj eliri same, rajdante sian ĉevalon; dum la naĝado li naĝas kun unu brako kaj kruroj, kaj gvidas la ĉevalon kun la alia mano. Oni devas eliri en la akvo ĉe difinitiva punkto kaj rajdi inter du stangoj. Du alvenis preskaŭ samtempe ĉe la gajna loko, kaj kaŭzis multe da ekscito.

Krom tiuj akvaj sportoj kaj multaj aliaj, okazis sur la riverbordo la Haka Danco kaj la *Poi* Danco. La Haka estas speco de milit-danco por viroj, kiuj krias, saltas, eligas la langon, kaj frapas siajn korpojn je diversaj gestoj. La *poi* danco estas por virinoj, kiuj tenas en la mano malgrandan pilkon sur fadeno kaj ĝin svingas kaj turnas je la graciaj movadoj de siaj korpoj. Ĉiuj dancoj okazas en la pratempaj kostumoj de la Maŭrioj.

*G. A. Hodges* (Aŭckland, Nova Zelando).

# ❀ NOTOJ ❀

.·. **Grava konkurso por artistoj.** — Estas anoncita publika konkurso por artistoj de ĉiuj landoj, por la elfaro de afiŝo de la Internacia Ekspozicio de Elektraj Industrioj kaj iliaj aplikaĵoj okazonta en Barcelono dum 1915. La stilo, karaktero kaj arta procedo de l'afiŝo restos laŭ la ŝato de l'konkuranto mem. La formato de la tuta laboro estos metroj 1,30 × 0,90, kaj devos esti la sekvanta skribaĵo tre facile videbla: „Exposición Internacional de Industrias Eléctricas y sus aplicaciones. — Bajo el patronato de Su Majestad el Rey, el gobierno español, el Ayuntamiento de Barcelona y la Diputación provincial. — Barcelona 1915." La originala modelo devos esti prezentita en la oficejo de l'Ekspozicio (Reĝa Pavilono de l' Parko) antaŭ la tagmezo de 1 decembro 1913, akompanata de fermita koverto entenanta paperon kun la nomo kaj adreso de l'aŭtoro. Ĉiu verko enhavos devizon saman kiel tiu skribita sur la fermita koverto.

La konkurantaj artistoj devos montri la plej bonan proceden por reprodukti sian verkon, kaj la buĝeton de ĉiu milo de ekzempleroj. La Juĝantaro donos 5000 pesetojn por la unua premio, kaj plie povos doni premiojn da 2000 pesetoj kaj alian da 1000 pesetoj. La Juĝantaro rajtas rifuzi verkojn neindajn je la konkurso, kaj repreni la supreciititan premion kaj premiojn se ne estas prezentataj verkoj indaj je tiuj rekompencoj. Ĉiuj verkoj premiitaj restos plenposedaĵo de l'Ekspozicio. — A. P.

.·. **Internacia protektado de la laboristoj.** — Dum septembro kunvenis en Berno nova Internacia Konferenco por la protektado de la laboristoj. La finan akton subskribis la reprezentantoj de Aŭstrio-Hungario, Belgujo, Britujo, Francujo, Germanujo, Hispanujo, Italujo, Nederlando, Portugalujo, Svedujo kaj Svisujo. La konvencio malpermesas la noktan laboron de la junaj laboristoj ĝis 16 jaroj. Tiu malpermeso estas absoluta ĝis 14 jaroj. La nokta ripozo daŭros almenaŭ 11 horojn sinsekvajn, inter kiuj devos esti nepre la tempo inter la deka vespere kaj la kvina matene. La maksimuma labordaŭro de la industriaj laboristinoj kaj junaj laboristoj (ĝis 18 jaroj) estas 10 horoj tage aŭ 60 horoj semajne. En certaj esceptaj okazoj oni permesas pli longan daŭron, kondiĉe ke la sumo ne superu 140 horojn jare. Provizora esceptperiodo estas antaŭvidita por certaj industrioj kaj ŝtatoj, kie la labordaŭro atingas ankoraŭ 11 horojn. La Asocpozio la protektado de la laboristoj postulis absolutan maksimuman labordaŭron de 10 horoj por virinoj kaj junuloj, kaj malpermeson de la nokta laboro por junuloj malpli ol *18*-jaraj. La konvencio moderigis tiujn proponojn.

.·. **Multlingva urbo.** — Calcutta enhavas 1.044.307 loĝantojn. En tiu urbo oni parolas 51 lingvojn. La plej uzata estas la „bengali", esence komerca lingvo parolata de 513.000 personoj; poste la „hindi", parolata de 365.000; la „urdu", de 71.000; la „gujarati", la assâmi", k. a., kaj la angla lingvo, kiun oficiale parolas 29.000 personoj, Eŭropanoj kaj Hindoj.

.·. **Aeraj poŝtservoj.** — Antaŭ du jaroj Anglujo komencis uzi la aermaŝinojn por forporti la leterojn. Kelkajn monatojn poste Francujo kaj Hindujo sekvis tiun ekzemplon. Plej kompletaj provoj estis efektivigitaj en Germanujo, kie, ĉe la aviadkampo de Johannistal apud Berlin, oni sendis, per aeroplano, letersakojn; dum la aviadkonkurso de la Alt-Rejno, — printempo 1912, — kreita estis aera poŝtkarto kies kelkaj miloj estis transportitaj de Mannheim ĝis Heidelberg kaj poste de Darmstadt al Frankfurt, pere de la *„Flava Hundo"*, aviadilo de leŭtenanto von Nidessen.

Antaŭ nelonge la direktebla balono *Schwaben*, — modelo Zeppelin, ricevis permeson transporti poŝtajn pakaĵojn: tiuj lastaj, post enregistrado, estis teren senditaj sur falŝirmiloj, en malkovritaj kampoj kaj fine transdonitaj al la ricevonto. Nuntempe la imperiaj poŝtoj intencas pligrandigi tiun servon, kaj baldaŭ la 2 „Zeppelin"oj *Viktoria-Luise* kaj *Hansa* akceptos la leterojn, pakaĵojn, poŝtkartojn, kiuj estos stampitaj dum la aerveturado, teren ĵetataj kaj disdonitaj laŭ la kutimaj modoj. — *M. G.*

.·. **Statistiko pri la Krupp-fabrikego.** — En la oficiala jarraporto de l'Komerca Ĉambro en Essen mi legas la sekvantajn nombrojn pri la Krupp-fabrikego en 1912:

Meza nombro de l'*personoj okupitaj* en la Krupp-laborejoj (inkluzive eksteraj laborejoj): 77.000 oficistoj kaj laboristoj.

Meza *salajro por laboristoj* po persono kaj tago: Sm. 2. 85.

*Maŝinoj*: 7700 diverscelaj maŝinoj; 16 rulpremegiloj; 164 vapormartelegoj; 23 transmisiaj martelegoj; 139 hidraŭlikaj premegiloj; 431 vaporkaldronegoj; 539 vapormaŝinoj; 3392 elektromotoroj kaj 1177 diversaj aparatoj por levado, transportado kaj ŝarĝado.

*Karbo kaj akvo*: Ekspluataĵo el la propraj minoj: 2 714.770 t. Konsumado je karbo: 3.078.483 t. Konsumado je akvo: 19.078.890 kubikmetroj (preskaŭ la sama kvanto, kiun konsumis la tuta urbo Essen).

*Gaso kaj elektra forto*: Liverado de la propra gasfabriko: 16.456.000 kubikmetroj da lumgaso. Liverado de la 7 elektrejoj entute: 58.988.372 „Kilowatt"-horoj.

*Telegrafaj kaj telefonaj interkomunikoj*: 31.000 forsenditaj kaj alvenintaj depeŝoj dumjare; 11.000 telefonaj interparoloj ĉiutage.

*Sur la tri pafejoj*: 35.000 pafoj el 4375 pafilegoj (al tio: 169.670 kilogramoj da pulvo kaj 1.077.000 kilogramoj da municia materialo).

*Konsum-vendejoj*: 99 vendejoj de viando, pano, vino, koloniaj, manufakturaj, k. c. komercaĵoj, 38 vendejoj de terpomoj, karboj, glacio k. t. p., 28 biervendejoj (restoracioj) kaj 3 kafejoj.

*Sociaj faroj*: Kotizaĵoj al asekuraj kaj aliaj kasoj, subtenoj kaj aldonaj pagoj entute en 1912: Sm. 5.084.400.

*E. Pillath* (Del. Essen).

.·. **Germanaj fervojoj.** — La germanaj fervojaj administracioj instaligis en la plivastigita oficejo de la nordgermana „Lloyds" en Parizo (2, rue Scribe) oficialan informejon, de kiu oni povos ricevi komunikojn laŭ bezono parolajn aŭ skribajn pri la fervojaj aferoj kaj aliaj ĝeneralaj cirkonstancoj en Germanujo. — H. F.

# LITERATURO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

*Edmond Privat.* — **Ginevra.** — Triakta lirika dramo. — Universala Esperantia Librejo. — Prezo: Sm. 0. 50.

Ĝi estas tradicia kutimo en niaj ĉiujaraj universalaj kongresoj enscenigi antaŭ la diverslanda kongresanaro unu belan tradukon de ĉefverko de enlanda literaturo. Ekzemple, oni ludis en Barcelono la katalunan dramon „Mistero de Doloro", en Antverpeno la ĉarman „Kaatje", en Dresdeno „Ifigenio en Taŭrido", ĉefverkan tradukon de ĉefverka Gœthe'a tragedio. En Berno estas inaŭgurita duonnova tradicio. Efektive la tiea prezentado konsistis ne en unu traduko, sed el du altvaloraj originalaj verkoj: „Ginevra", versdramo de S-ro E. Privat, kaj „Patreco", socia dramo en prozo de S-ino M. Wolf. Estas konjekteble, ke en estontaj kongresoj estos ludataj nur originalaj teatraĵoj. Jen nova horizonto por niaj Esperantistaj literaturistoj. Eĉ oni rajtas esperi, ke, post kelke da jaroj, famkonataj naciaj aŭtoroj ekpensos uzi tiun ĉiujaran okazon por konigi al la tutmonda publiko ian plej novan neeldonitan verkon de internacia intereso.

En la nuna recenzo mi priparolos nur Ginevra'n, kies poezian temon jam tiel agrable rakontis nia kunlaboranto Lupo en N-ro 17 de *Esperanto*. Sed mi studos la dramon laŭ malsama vidpunkto, analizante la karakterojn de la kvar pligravaj personoj, Arturo kaj Modredo, Lancelot kaj Ginevra.

* * *

En la poemoj de la unuaj mezepokaj jarcentoj, la moroj estas krudaj, la viroj maldelikataj, la virinoj estas servantinoj pli ol kunulinoj de siaj baraktemaj kaj despotaj edzoj, kiuj kutimas ilin malŝati, insulti, maldorloti. La edzino, kiu trompas sian edzon, estas kruelege mortigata. Dum la sekvantaj jarcentoj la moroj, almenaŭ en literaturaĵoj, iom malkrudiĝis, ĝentiliĝis, elegantiĝis. La virinoj havas sian revenĝon: ili fariĝis ne nur egalaj, sed eĉ superaj al la viroj; ili estas obeataj, servataj, adorataj. Por indi la amon de sia sinjorino aŭ meriti ŝian ridetan alrigardon, kavaliroj turniras, skermas, batalas, riskas sian vivon en plej fantaziajn aventurojn.

En tiu maldifinita epoko, la kortego de la legenda kimra reĝo Arturo estas brilega centro de ĝentila kulturo, idealejo por elegantaj manieroj kaj grandiozaj festoj. La nobla reĝo sidigas siajn fidelulojn ĉirkaŭ Ronda Tablo, kie ĉiuj estas samrangaj. De tiu kortego disrajdas la kavaliroj senditaj de la reĝo aŭ de siaj amatinoj por plenumi plej eksterordinarajn, eĉ miraklajn heroaĵojn. En tiun kortegon ili revenas triumfe por ricevi de karaj manoj la rekompencon de sia bravegeco. Iom heterogenaj estas la karakteroj de tiaj superviroj: ili povas esti noblaj, belmanieraj, spritaj, sed ankaŭ intertempe krudaj, eĉ kruelaj. Ili amindumas la sinjorinojn, provas ilin delogi, sed edzinon, kiu trompis sian edzon, ili bruligas sur ŝtiparo!

* * *

Reĝ-Arturo estas brava, lojala, konscia pri siaj reĝaj aŭ almenaŭ militsitaj oficoj; sed li ne estas sperta pri la virina koro, li rifuzas partoprenigi sian edzinon en la regado de la lando:

Ne estas la afero de virino
Ĉagreni sian koron per la zorgoj
Publikaj.

Li ne antaŭvidas la danĝeron, ke edzino — eĉ reĝino — enuas. Li ne komprenas, ke la inteligento, altanimeco, bonfaremo de Ginevra bezonas vastan kampon por disvolviĝi, ke nur gravaj plenumotaj devoj povus ŝin reteni sur la bona vojo kaj malhelpi teruran deflankiĝon. Al la peto de la reĝino li respondas iom neĝentile:

Vian noblan
Fervoron al kompato, ĉe l'kapelo
Vi uzu! ĉar virina tasko estas
Preĝadi Dion tie, kaj en hejmo
Kreadi dolĉan ĝojon kaj belecon.

Ho! blinda reĝo kaj malprudenta edzo! Ĝis nun la reĝino apenaŭ sukcesis venkbatali sian amon al Lancelot, ordoninte ke la amato foriĝu de ŝia apudesto. La reĝo mem deziras, ke Lancelot lin anstataŭu „por distri la reĝinon"! Ne pensu tamen, ke tiu simplanima edzo estas komika. Lia malperfida koro ne kredemas aliulan perfidecon. Longtempe li indigne forpuŝas la kalumniojn kaj malfacile allasas en sian lojalan animon la venenajn vortaĉojn de Modredo.

Kiel kornaŭzige sonas
Klarigoj por spioni la Reĝinon
Kaj Lancelot, amikon plej amatan!
Pli bone tamen estas nun suferi
Eĉ tion kaj ekscii tuj la veron! (p. 37.)

Modredo, nevo de la reĝo, spionas la reĝinon kaj Lancelot. Kial? ĉu li volas sin venĝi al ŝi pro forrifuzita ampropono? ĉu li jam iaokaze konkurencis kun Lancelot? Kredeble Modredo spionas kaj perfidas nur pro plezuro, ĉar tia estas lia emo. Unuj emas al la altaĵoj, aliaj rampemas en kloakoj. Li estas „serpenta nobelo". Liaj manoj estas „nigraj"; li ŝatas „kuiradi en la kaldrono de la malfeliĉo» por nutri la koron de l' ceteraj homoj; li ŝatas

veneni vivon de l' ceteraj
Semante per diraĵoj nepruvitaj
Fajrigan dubon kaj malfidon.

La ironiaj mokoj de Lancelot pliakrigas lian malamon. Kiam li sukcesis per ŝajna lojaleco vundi la koron de l' reĝo kaj forŝiri de li permeson, ke li ekkaptu Lancelot en la ĉambro de Ginevra; kiam li organizis la embuskon kaj kaŭzis pereon de dek nobelaj sinjoroj mortfrapitaj de Lancelot, li malkuraĝe forkuras post la unua vundeto.

* * *

Ideala kavaliro, la franco Lancelot posedas ĉiujn korpajn, spiritajn, korajn ecojn. Li estas la ornamo, la glorradio de la Ronda Tablo. En turniroj li ĉiam venkas. Li venke skermis por la gereĝoj; en bataloj li savis la vivon de l' reĝo, de multaj kavaliroj; eĉ Modredon li ŝirmis per sia ŝildo kaj korpo. Sprita li estas kaj belparola. En la nordan kortegon li alportis la sunbrilon de Francujo.

Al li Dio donis la talenton
Ne nur en nobla arto de l'armiloj,
Sed ankaŭ en pli dolĉa la uzado
De l' vortoj, de l' parolo plezuriga
Al koro kaj oreloj. . . (p. 10.)

Ĉiu fraŭlino preskaŭ mortas de amo al li, sed li ĵuris resti fraŭlo; li amas nur la belan reĝinon, kies li estas kavaliro, servanto, ĉasta amanto. Tamen li profunde respektas la reĝon, kiun li admiras super ĉiuj amikoj. Li penis por forgesi malpermesitan amon; sed kredeble, en la tago, kiam li akompanis la reĝan fianĉinon de la patra kastelo al la edza palaco, ambaŭ kondukanto kaj kondukatino trinkis, kiel Tristan kaj Ysold, ian magian amtrinkaĵon. Li amas pro fatalo, nedisigeble; li ne povas plu de sia koro forŝiri la amon kaj duonvenkite li revenas al la adoratino por ĵuri. . . ke, se eble. . . li definitive foriros de ŝi. Ho! malbeno! Ili estas spionitaj, enkaptitaj, sieĝitaj! Nu, li kavalire mortos por sia sinjorino, sed mortante li genufleksas antaŭ ŝi kiel antaŭ sankta virgulino:

Reĝino plej kristana kaj plej dolĉa
— Ĉar estas ĉiam via nobla Moŝto
La bona sola mia Sinjorino,
Kaj mi lojala via kavaliro,
Al via volo ĉiam preta servi,
De l' tago mem en kiu Reĝ' Arturo
Min faris kavalir' de l' Ronda Tablo —
Se falos mi ĉi-tie, vin humile
Mi petas preĝi por animo mia. . . (p. 43.)

Sed lia brako estis tiel forta kiel lia koro. Malvarmsange, lerte, li batalakiras kaj surmetas la armaĵon de la unua ĵus mortigita atakinto, mortfrapas la ceterajn kaj forkurigas Modredon.

Ve! nun rompita estas la rondo kavalira! malamiko denun estos reĝo Arturo! Restas al Lancelot unu devo plenumota: se la Reĝo ordonos la mortigon de la Reĝino, ŝin liberigi de la turmento kaj forsavi en Francujon.

* * *

Ginevra sidas en palaca ĝardeno. Muziko sonas per kantoj kaj citro. Dume ŝia penso forflugas al la amato, al la nobla kavaliro Lancelot, kiun ŝi pro devo malproksimigis. Ŝi revidas sin en la patra kastelo; ŝi estis fianĉino de l' brava reĝ' Arturo kaj atendis la senditojn de sia fianĉo. Soldato gardostaranta sur la supro de l' turo la alrajdantaron ekvidis kaj anoncis trumpete. Tiam al la ravitaj okuloj de la junulino brilaperis la ĉefo de la senditoj, la alloga kavaliro Lancelot... Estis bela majmateno... Ĉie rozoj jam ekfloris sub hela korĝojiga suno (p. 22) ..... Lancelot ekparolis; per harmonia, luliga parolado li plenumis sian mision; li priskribis la reĝon kun nobla fervoro kaj sincera admiro kaj tiel nevole enĵetis en la fraŭlinan koron la semon de neporedza amo. Tiuj rememoroj rekantadas en ŝia koro kaj vibras en melankolia melodio (p. 23). Kiomfoje ŝi provis forpuŝi tiajn dolĉegajn sentojn! Ŝi ordonis, ke Lancelot foriĝu. Ŝi penis por plenumi siajn edzinajn kaj reĝinajn devojn. Sed la reĝo ŝin ne komprenas, li pensas nur pri soldatoj, militoj; la lando ruiniĝas, la kampuloj mizeriĝas. Ho! se ŝi povus esti la helpantino de l' reĝo!

Ne povas esti vera ĝojo
En hejmo, kie zorgoj aŭ ĉagrenoj
Ne estas dividitaj ankaŭ same!
Feliĉon la plej fortan konstruadas
En longa sinsekvado tra la vivo
Komunaj ploroj kaj ridetoj!

La reĝo mem volas, ke Lancelot, revenu por ŝin amuzi per spritaj babiladoj!

Ho! Lancelot, se nur mi estus hejme
En la kastelo de l' amata patro,
Ankoraŭ junulino kaj libera,
Ho, kiel feliĉege mi atendus
Vin ĉiutage kiel fianĉino
De via kor', ĝis iam vi alrajdus
Por peti min de l' patro mia kara...
Nun estas tro malfrue... kaj... reĝino
Mi estas, aŭ almenaŭ la edzino
De l' Reĝo; ĉar nenion mi ja rajtas
Proponi eĉ por helpi la popolon
Mizeran. Tamen mi revadis tiom
Sincere antaŭ veni tien ĉi
Pri mia tasko de reĝino, pri
Okazoj doni ĝojon kai respondi
La plendajn preĝojn de la malfortuloj.
Mi vane revis, ankaŭ vane provis.
Kaj en ĉi tiuj tagoj de soleco,
Dum mi dolore penis vin eviti,
Dum mi klopodis vivi for de vi,
Rompante, dispremante mian koron,
Kaj, per lastfoja malespera paŝo,
Tutkore mi reprovis kunlabori
Kun Reĝ' Arturo kiel amikino,
Li nun respondas ĵus vokante *vin*
„Por distri la Reĝinon" kaj min ĵeti
En viajn brakojn, en karegan
Kaj pekan nian amon... ho karega
Kaj peka... ho karega... kaj...
kaj peka... (p. 20, 21).

Ĉu ŝi estos venkata en tiu interna dolora batalado? Ne, ŝi nepre volas resti fidela al tiu edzo, kiun ŝi respektas. Ŝi revidas Lancelot por lin definitive forsendi kaj adiaŭi. Ĝuste tiam okazas la terura katastrofo!...

Lancelot venkis, mortigis iliajn malamikojn. Sed ŝia vivo estas finita; for la reĝo respektata! finita l'amo ĉasta kaj plej kara! Restas nur rifuĝo en monaĥinejon, ekzilo aŭ morto!

La vento blovis
Kaj ŝin for ŝovis,
Kaj estas ŝi
Kiel falinta
Kaj flaviĝinta
Foli! [1]

Tiel S-ro E. Privat, per kortuŝaj scenoj, harmoniaj vortoj, diafana stilo, disvolvis antaŭ niaj ĉarmitaj okuloj tiun malnovan legendon. Ĉu nur antikva legendo? Ĉiutempaj estas amo kaj ĵaluzo, perfido kaj nobleco, esperoj kaj malesperoj, dolĉegaj lulantaj revoj kaj teruraj vekiĝoj! *Verto.*

[1] Laŭ Grabowski. El „Parnaso de popoloj", p. 48.



# Bileto de blankbarbulo

## *Ne teorio: faktoj!*

*Kiamaniere ni sukcesos apud la registaroj?*

*Ĉu per tio, ke ni montros al ili, ke nia lingvo estas la plej perfekta, la plej logika inter ĉiuj?*

*Vere stranga estas la opinio de tiuj, kiuj imagas al si, ke ian tagon, pli malpli proksiman, la registaroj elektos grandan komitaton de lingvistoj, filologoj, filozofoj kaj ĉiuspecaj kleruloj, kies tasko estos kompari la diversajn artefaritajn lingvojn kaj proponi — verŝajne post kelkaj novaj korektoj kaj plibonigoj! — la idealan komunan internacian lingvon.*

*Ne! Tie ĉi kiel ĉie, la registaroj alportos sian helpon nur, kiam ili konstatos, ke tiel gravaj estas la progresoj de ia ajn internacia komunikilo, tiel gravaj la servoj, kiujn eltiras el ĝi ĝiaj uzantoj, ke ĝin ignori ili ne plu povas kaj ĝin devas utiligi por la komuna bono de l'ŝtato.*

*Sian kunlaboradon, kiun por la intereso mem de nia afero neniu rajtas malŝati, alportos la registaroj nur, kiam la* publiko *mem ĝin nepre postulos de ili.*

*Sed kiamaniere ni sukcesos apud la* publiko?

*Ĉu per tio, ke ni montros al ĝi, ke nia lingvo estas la plej perfekta, la plej logika inter ĉiuj?*

*Tute ne! Absolute indiferenta estas la nekompetenta publiko al tia argumentado. Nur tion ĝi demandas:*

*„Kiajn profitojn ĉu moralajn, ĉu sociajn, ĉu komercajn vi proponas al mi? Kian helpon mi trovos apud vi por konigi en la mondo kaj disvastigi miajn ideojn, mian negocon, miajn diversajn, ĉu spiritajn, ĉu materiajn entreprenojn?"*

*Kiam ni povos respondi jese tiajn demandojn ne nur per elokventa parolado — kiun tamen ni ne devas tro malestimi — sed per centoj kaj miloj da faktoj, kiam oni ne plie rajtos dubi, ke nia lingvo povos esti unu el la plej potencaj faktoroj de la estontaj internaciaj rilatoj ... tiam nia estos la venko apud la publiko unue, poste apud la registaroj.*

*Tion mirinde komprenis UEA kaj pro tio — eĉ se ni ne plene konsentus pri unu aŭ alia punkto de ĝia programo — nia devo,* nia unua devo al ni ĉiuj Esperantistoj estas alporti al ĝi nian plej sindonan apogon: agi por ĝi, agi kun ĝi.

Th. Cart.



## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — *Birkenhead* (Angl.). — Nova societo fondiĝis kun 25 anoj; sekretariino: F-ino E. Thomas. — P. E.

*Wallasey* (Angl.). — Fondiĝis grupo kun 15 anoj; S.: A. L. Peacock. — P. E.

*Walton* (Angl.). — Estas fondita filio de la Esp. grupo de Liverpool kun 23 anoj; helpsekretario: P. Oakes. — P. E.

**Novaj kursoj.** — *Abo* (Finnlando). — La 17 oktobro la grupo „Esperanta Grajneto" malfermis kursojn kun 25 lernantoj. — A. A.

*Dortmund* (Germ.). — Komenciĝis kurso kun 15 anoj; instruas S-ro A. Schwarz. — A. S.

*Dresden* (Germ.). — En la Esp. Unuiĝo „Zamenhof" S-ro O. Zöphel gvidas novan kurson. — O. Z.

*Fiorenzuota d'Arda* (Ital.). — La kurso gvidata de S-ro P-ro Carolfi baldaŭ fermiĝos. — C.

*Hamilton* (Skotlando). — La unuagradaj kaj pliperfektigaj kursoj por studentoj rekomenciĝis ĉe Y. M. C. A. G.W.H.

*Paris* (Franc.). — La E. S. F. I. O. organizis du kursojn en sekcioj socialistaj. La proksima kunveno de la Asocio okazos la 16 novembro.

*Rorschach* (Svis.). — S-ro Haller, Del., gvidas du kursojn, perfektigan kun 10 anoj kaj por komencantoj kun 6 anoj. — O. H.

*San Feliu de Guixols* (Hispan.). — La 1 oktobro la societo „Frateco" malfermis du kursojn kun 20 lernantoj. — V. L.

*Torino* (Ital.). — Oni malfermis la unuan privatan kurson; instruas S-ro M. de Balzac, Del. Alian kurson komencis S-ro C. Cadario ĉe la instituto por la blinduloj.

*Trieste* (Aŭstrio). — Sub la gvidado de S-ro P-ro D-ro Ghez, la 10 oktobro, malfermiĝis nova kurso ĉe la „Rondo Esperanta". La unua leciono estis vizitata de 24 lernantoj. — F. C.

*Twickenham kaj Harrow* (Angl.) — En la teknikaj lernejoj de tiuj du urboj Esp. kursoj ĵus komenciĝis sub la aŭspicioj de la Provinca Instruada Komitato de Middlesex. Oni devas atentigi, ke tiuj kaj aliaj similaj kursoj (ekz. en Londono kaj aliaj urboj) estas oficiale aprobitaj kaj poste subvenciataj de la Brita registaro. — B. L.

*Walton* (Angl.). — Nova kurso kun 18 anoj, knabskoltoj. — P. E.

*Weinheim a. d. B.* (German.). — La nova kurso gvidata de S-ro D-ro A. Mulert bone prosperas kun 6 lernantoj. — A. M.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Barcelona* (Hisp.). — La 11 oktobro „Espero Kataluna" organizis feston, dum kiu ĉirkaŭe 150 lumbildoj el diversaj landoj kaj pri la Naŭa Kongreso estis prezentitaj antaŭ proksimume 60 personoj. — A. P.

*Dresden* (German.). — Loka Ligo. En partopreno de eble 500 personoj okazis la 14 septembro, en la salono de Künstlerhaus la unua festo de la Dresdena Loka Ligo. La programo konsistis el kantoj de la kantistina grupo de Societo Esperanto Dresden, solkantoj de la koncertkantistino F-ino Martha Lehner, ĉambromuziko ludata de Ges-roj Bellmann, Schiller kaj Engst, terceto por mandolino, mandolo kaj gitaro de Ges-roj M. Kirbach, Lange kaj Vogel kaj el prezentado de la esperanta teatraĵo „Du Biletoj", aranĝita de la Sinjorina Societo, kaj de la germana propaganda teatraĵo „Vereint durch Esperanto", ludita de la Laborista Grupo Centro. Riĉa aplaŭdo rekompencis la plej parte tre artajn prezentaĵojn. S-ro Engst, la prez. de Loka Ligo salutis la ĉeestantojn. Balo sekvis kaj kuntenis la samideanojn kun iliaj gastoj ĝis malfrua horo. — La Societo Esperanto Dresden malfermis la 2 oktobro sian novan Esperantan Hejmon, Pirnaische Strasse 50 II, per solena kunsido de ĉiuj estrar- kaj komitatanoj. La prez., S-ro v. Frenckell, salutis la ĉeestantojn, parolis pri la historio de la jam de longe dezirita hejmo kaj poste kondukis la kunsidantaron tra la tuta hejmo, klarigante la celojn de la diversaj ĉambroj. Ĉe malvarma bufedo oni travivis tre agrablan horeton, kiun en la diversaj grupkunvenoj k. t. p. ankoraŭ multaj similaj sekvos. La 25 oktobro kaj la 8 novembro estos aranĝataj en la hejmo festoj, kies enspezoj celas la garantion de la instaligaj kostoj de la hejmo. Kurso komenciĝis en la instruĉambro de la hejmo la 9 oktobro. — La regiona kunveno okazos la 15 novembro en la Esperanta Hejmo de Societo Esperanto Dresden, Pirnaische Strasse 50 II. — J. K.

*Villar Perosa* (Ital.). — Per fervora agado de S-ro P-ro Randi oni starigis Esp. grupon sub la nomo „Rondo Esperanta". La 19 oktobro okazis tre bela festo je honoro de la sindonema P-ro D-ro A. Ghez, kiu alvenis el Trieste; al li S-ro P-ro Randi donis en la nomo de la grupo oran medalon. Dum la festeno, kiun partoprenis 140 personoj, oni malfermis serion da paroladoj. S-ro de Balzac, Del. de Torino, laŭdegis S-ron D-ron Ghez pro lia senlaca laboro. — M. B.

**Paroladoj.** — *Angers* (Franc.). — La 8 oktobro, ĉe la Esp. grupo, S-ro I. H. Krestanof, faris tre sukcesplenan paroladon pri la Balkanaj aferoj. Prezidis S-ro D-ro André Martin. Francan resumon faris S-ro H. Muffang. La lokaj ĵurnaloj favorege raportis. — H. M.

*Blois* (Franc.). — Tie ĉi la 6 oktobro, sub prezido de S-ro Faucher, prez. de l'Esp. grupo, okazis publika parolado pri la Balkanoj de S-ro I. H. Krestanof. La paroladon, kiu tre bone sukcesis, sekvis deklamoj kaj kantoj. — V. S.

*Bunzlau* (German.). — S-ro K. Christoph faris propagandan paroladon, kiu estis bone vizitita. Kurso baldaŭ komenciĝos. — K. C.

*Dortmund* (German.). — La 12 oktobro la loka grupo aranĝis Esp. ekspozicion. Vespere la vicprez. de la „Revelo", S-ro ĉefredaktoro Hartenfels, faris propagandan paroladon, kiun aŭskultis 120 personoj. — A. S.

*Hamilton* (Skotlando). — Okazis parolado, la 2 oktobro, de S-ro J. M. Warden sub aŭspicioj de la loka kaj la Distr. Esp. Societoj. La ĉeestantaro tre atente aŭskultis lian interesplenan klarigon de la lingvo kaj ĝuis la belajn lumbildojn de kelkaj kongresurboj. — G. W. H.

*Kolozsvar* (Hungar.). — Laŭ invito de la Transsilvania Karpata Societo S-ro O. Amon, sekretario de la Klubo Esp., faris paroladon pri Esp. kaj la Naŭa Kongreso en la hotelo „New York". La parolado tre bone sukcesis, kaj S-ro grafo Stefano de Lazar varme dankis la paroladinton en la nomo de la Karpata Societo. — O. A.

*San Feliu de Guixols* (Hispan.). — La 30 septembro S-ro D-ro J. Coll, prez. de la Kataluna Esp. Federacio, faris paroladon antaŭ 300 personoj. Post la parolado okazis kunsido de K. E. F., por elekti la Organizan Komitaton de la 5ª Kongreso, kiu okazos en la proksima jaro ĉi tie. — V. L.

*Southport* (Angl.). — S-ro H. Tidswell, Vicdel., la 29 septembro, parolis ĉe la grupejo pri la utileco de la Jarlibro

de UEA dum sia vojaĝo al la Berna Kongreso. La 4 oktobro S-ro G. W. Iddon parolis ĉe la Ĝenerala Kunveno de la vojaĝantaj komercistoj de Granda Britujo pri Esp. kaj la servoj de UEA. Kurso komenciĝos. Alia parolado estas anoncita por la 25 novembro. — G. I.

*Thun* (Svis.). — S-ro Hildebrandt, Del. en Thun, parolis en socialista laborista societo pri Esperanto, sekvos Esp. kurso.

*Tours* (Franc.). – Invitita de la loka grupo, S-ro I. H. Krestanof, la 7 oktobro, faris tre interesan paroladon pri la Balkanaj lando kaj milito. Tiun multaplaŭditan paroladon prezidis S-ro Grosjean; france resumis S-ino Ferran. Ĉeestis ankaŭ la direktoro de la grava loka ĵurnalo „La Dépêche", kiu estas tre favora al nia movado. — V. S.

*Trieste* (Aŭstrio). — Antaŭ multnombra publiko, la 3 oktobro, en la „Rondo Esperanta"- S-ro P-ro D-ro Ghez faris paroladon itallingve pri la Naŭa Kongreso. Egaj aplaŭdoj rekompencis la paroladinton. — F. C.







## DIVERSAĴOJ

.·. *Esperanto kaj turismo.* — Ni ricevis beletan Esperantan ilustritan gvidlibreton tra *Olomouc,* unu el la plej interesaj urboj de Moravio (Aŭstrio).

— La „Landesverkehrsrat in Tirol" presigis en la de ĝi eldonata „Tiroler Hotel- und Verkehrsbuch 1913" unuafoje la adresojn de la Delegitoj de UEA.

.·. *„Prezidanta" propagando.* — El Kanado ni ricevas ĝojigajn novaĵojn pri la vojaĝo de nia Prezidanto, S-ro Mudie, kiu — malhelpite ĉeesti nian kvinan Kongreson pro grava afervojaĝo al Kanado — sin revenĝas nun vigle propagandante por Esperanto en Kanado. S-ro Mudie, ĉiam propagandema, faris antaŭ elektita ĉeestantaro paroladon sur la ŝipo. Li propagandis, en diversaj aliaj urboj, speciale en Toronto kaj Montreal, vizitis gazetojn, refervorigis malnovajn samideanojn. Ni esperu, ke dank'al lia helpado Esperanto, kiu iam prosperis en tiu lando, refortiĝos en Kanado.

.·. *UEA en Londono.* — El la monata raporto de S-ro H. A. Epstein, Ĉef-Del. en Londono, ni eltiras la jenajn ekstraktojn: Leteroj ricevitaj (aŭg.-sept.) 176, forsenditaj 167. La nombro de la Esperantianoj kreskis ĝis 250. Tiu nombro superis ĉiujn esperojn je la komenco de 1913. (Dum 1912 estis 180 membroj. Do, malgraŭ la duobligo de la kotizaĵo la nombro de la membroj kreskis je cirkaŭ 40 %). La Del. nun klopodas por la varbado de novaj Esperantiaj Entreprenoj kaj la kolektado de anoncoj por la Jarlibro. Li jam sukcesis ĉe kelkaj firmoj. Dum aŭg.-sept. venis al li 10 vizitantoj, el Belgujo, Rusujo, Francujo, Svisujo, Skotujo kaj Anglujo. Krom tiuj, aliaj venis dum lia foresto, inter ili granda karavano da francoj, kondukata de samideano Lecorche. En la foresto de la Ĉef-Del. Policana Del. Alcorn faris ĉiujn aranĝojn por ili. La karavano estis tiel kontenta pri S-ro Alcorn, ke ili faris al li belan donacon. Krom tio dum la du monatoj estis faritaj 40 servoj.

.·. *Esperanto kaj komerco.* — Dank'al la klopodoj de S-ro Nedoŝivin, la rusa Ministerio de l'Komerco kaj Industrio oficiale promesis al la Societo Espero en Peterburgo monhelpon da 1000 rubloj (1000 Sm.) por la fondo de Komerca kaj Industria Kontoro Esperantista en Peterburgo. Oni esperas, ke tiu monhelpo fariĝos ĉiujara.

* * *

*Esperanto-paviliono ĉe la Leipziga ekspozicio.* — Ĉe la universala ekspozicio pri librarto, kiu okazos en Leipzig dum 1914, estos konstruata speciala Esperanto-paviliono, ĉe kiu estos elmontrata la tuta Esperanta literaturo kaj dokumentaro. Tiu paviliono, konstruata dank'al monkolektado ĉe germanaj Esperantistoj, sidos ĉe la „Strato de la nacioj", kie staros la pavilionoj de la diversaj nacioj, kaj ĝi certe altiros la scivolemon de la multnombraj vizitontoj. UEA estos speciale reprezentata en la dirita paviliono. Ĉiuj monhelpoj por tiu entrepreno estos danke akceptataj de la Saksa Esperantista Instituto (Dolzstr. 1, Leipzig).

## TRA LA GAZETARO

.·. *Poŝta Esperantisto* (aŭgusto-septembro) anoncas, ke laŭ decido de la kunsido en Bern la mallongigita nomo de „Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝtoficistoj" estu de nun „Ilepo" (anstataŭ Ildepo). La societo havas nun 473 membrojn. La gazeto aperas monate kaj havas interesan enhavon por fakuloj kaj nefakuloj. (Oficejo de Ilepo: Maxstr. 22, Breslau).

.·. *Telegramo,* folieto ĉiutage aperanta. (Direkcio: D. Malĉev, Slavjanska 879, Ŝumen, Bulgarujo.)

.·. Favoraj artikoloj aperis en: *Dortmunder General-Anzeiger* (7, 11 kaj 13 okt.); *Dortmunder Zeitung* (7, 11, 14 okt.); *Tremonia,* Dortmund (7, 11, okt.); *Paris-Berlin* (5 okt.); *Wartburgstimmen,* Frankfurt (sept.); *Innsbrucker Nachrichten* (n-ro 210); *Tagespost,* Graz (16 okt.); *Tagespost,* Linz (9 okt.); *Wiener Allgemeine Zeitung* (2 okt.); *Illustriertes Wiener Extrablatt* (2 okt.); *Neues Wiener Journal* (9 okt.); *Obersteirische Volkszeitung,* Leoben (20 sept.); *A Noite,* Rio de Janeiro (17 sept.); *Danville Bee* (27 sept.); *Danville Register* (7 okt.); *The Souhporth Guardian* (11 okt.); *The Christian Commonwealth* (3 sept.); *Portland Evening Express and Advertiser Tuesday* (16 sept.); *Afholdsdagbladet,* Aarhus, ĉiusemajna esp. rubriko en *Nachodske-Listy.*







# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Kotizaĵo 1914.** — *Ĉiuj novaj aliĝoj al UEA estos de nun kalkulataj por la jaro 1914.*

*Ĝisnunaj Esperantianoj kaj Entreprenoj povas de nun repagi la kotizaĵon por 1914.*

*La kotizaĵoj por 1914 estas la samaj kiel ĝis nun, nome:*

*Ordinara membro*: Fr. 2. 50 (Sm. 1).
*Subtenanta membro*: Fr. 5 (Sm. 2).
*Interŝanĝa aŭ Studenta Fako*: Fr. 1. 25 (Sm. 0. 50).
*Esperantia Entrepreno*: Fr. 12. 50 (Sm. 5).
*Id.* (Esperantista organizaĵo): Fr. 7. 50 (Sm. 3).

*La kotizaĵoj estu pagataj al la Delegito, aŭ se ne estas, al la C. O. de UEA.*

*Ĉiu membro paginta la kotizaĵon por 1914 ricevos de la C. O. de UEA provizoran membrokarton en formo de kvitancilo, kaj en januaro la definitivan membrokarton kaj la Jarlibron.*

**Al Esperantistaj Societoj.** — Ni rememorigas, ke aliĝante kiel Esperantiaj Entreprenoj la Esperantistaj organizaĵoj, (grupoj, societoj propagandaj aŭ fakaj) pagas kotizaĵon de nur *Fr. 7. 50,* kaj interŝanĝe havas la jenajn rajtojn:

1e *Ricevi dum unu plena jaro la duonmonatan gazeton „Esperanto"* (oficiala organo de UEA), kiu enhavas regulajn kaj multnombrajn informojn pri UEA, pri la Esperanta movado kaj pri demandoj de komuna intereso.

2e *Esti enregistrata,* kun ĉiuj necesaj informoj, *en la Oficiala Jarlibro de UEA.* Tiu eldonaĵo, ekzistanta de kvin jaroj, estas sendata al ĉiuj membroj de UEA. Ni do povas garantii minimuman presadon de 8000 ekzempleroj. Pro tiu granda disvastiĝo oni facile komprenos la utilecon, kiun por ĉiu Esperantista societo prezentas ĝia enskribo en nia Jarlibro.

3e *Ricevi la Oficialan Jarlibron de UEA* kun rajtiga karto de Esperantia Entrepreno.

La kondiĉoj estas do tre favoraj, kaj ni ne dubas, ke multaj Esperantistaj organizaĵoj profitas ilin.

**Membrokarto.** — Tiun jaron ni dissendos al la membroj novajn membrokartojn en formo de kajereto kun loko por algluo de fotografaĵo, atestigo de la subskribo k. t. p., tiel ke ili estos rekonataj de la plejmultaj registaroj kiel oficiala legitimacio por la rilatoj kun la poŝto, telegrafo, dogano k. t. p. La sekvantaj jaroj la membroj konservos la saman karton kaj nur algluos novajn banderolojn — kun la N-ro kaj jaro — kiujn la C. O. alsendos al la repagintoj de la kotizaĵo. Pliaj klarigoj estos poste publikigataj. Por ke la Centra Oficejo povu skribi tiujn kartojn tute korekte kaj poste ne ricevu plendojn, ni insiste petas la membrojn kaj Delegitojn, ke sur la aliĝiloj kaj membrolistoj ili skribu la nomojn kun la antaŭnomo plej legeble. Por eraroj rezultantaj de malbone skribado de propraj nomoj, UEA rezignas ĉiun respondecon.

**Kongresa Dokumentaro.** — Ni atentigas niajn Del. kaj membrojn pri la ĵusa apero de la *Oficiala Dokumentaro de la 4a Kongreso de UEA,* du broŝuroj kun 100 paĝoj, enhavanta la tekston de la diversaj raportoj prezentitaj ĉe la Kongreso de UEA, la paroladojn ĉe la solena malferma kunsido kaj la protokolon de la laboraj kunsidoj. Tiu verko, entenanta utilan kaj interesan materialon pri nia Asocio, estas rekomendata al ĉiuj Delegitoj kaj propagandistoj. Prezo (afranke): Fr. 1. 25 (Sm. 0. 50).

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 20.250 |
| 95. Jules Lhermitte, Troyes . . . . . . . . . . . . . | 125 |
| Frankoj | 20.375 |

Entute (ĝis la 25 oktobro) 95 Garantiantoj mendintaj 163 atestojn, valoro 20.375 frankoj (8150 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La mononi oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto.*

### Novaj Delegitoj.

*Audincourt* (Francujo, Doubs). — D.: A. Grisel, 45, Grande Rue.
*Avesnes s./Helpe* (Francujo, Nord). — D.: P. Marissiaux, 20, Ave. du Pont Rouge.
*Barre-des-Cevennes* (Francujo, Lozère). — D.: Andreo Geraud.
*Effretikon* (Svisujo, Kt. Zurich). — SD.: Ernst Wolfer.
*Flagstaff* (Usono, Arizona). — VD.: O. K. Richardson.
*Hobart* (Australio, Tasmania). — D.: Norman Carryer, 146 Campbellstr.
*Kecskemet* (Hungarujo). — D.: Ladislao Hantos, profesoro.
*Leeds* (Anglujo). — VD.: Harry Blakey, Royal Park Terrace, Hyde Park.
*Lugansk* (Rusujo, Ekaterinosl. gub.). — D.: V. Kotelevcev, ul. Bankovskaja 79.
*Metz-Sablon* (Germanujo). — D.: Otto Künzel, Reitbahnstr. 33.
*Monticelli d'Ongine* (Italujo). — SD.: F-ino Angiolina Marchi.
*Neustadt a. d. Aisch* (Germanujo, Bayern). — D.: Joseph Schmalzl, Luitpoldstr. 6.
*Sampierdarena* (Italujo). — D.: Giuseppe Pastorini, Via Vittore Emanuele 133R.
*Simbirsk* (Rusujo, Simbirska gub.). — D.: V. Koposov, Direktoro de Karamzinskaja kolonja.
*Trencsen* (Hungarujo). — D.: Jenö Hoffmann, hung. reĝa financa kalkulkontrolo.

### Ŝanĝoj.

*Angers* (Francujo, M.-et-L.). — D.: L. Blot, 15, rue Sarret Terrace.
*Blair* (Usono, Nebraska). — D.: Chas. P. Lang, Tilden.
*Chateauroux* (Francujo). — D.: F. Baronet, Chatillon.
*Davos* (Svisujo). — D.: M. von Ehrenthal, Pension Hieber, Davos Dorf.
*Dôle* (Francujo, Jura). — D.: F-ino P. Saugere, 20, rue Dusillet.
*Rimini* (Italujo). — D.: M. Carolfi, Cortemaggiore prov. Piacenza.
*Sofia* (Bulgarujo). — D.: St. Minkov, 49 str. Chare Planina.
*St. Gallen* (Svisujo). — D.: H. Kürsteiner, Rosenbergstr. 8.

**UEA kreskos kaj fortiĝos precipe per la individua agado de ĉiuj siaj membroj.**

**Por 1914 ĉiu Esperantiano klopodu por varbi almenaŭ du novajn Esperantianojn!**

## Rimarkoj.

*Augsburg* (Germanujo). Oni sendu ĉiujn korespondaĵojn al la VD., D-ro R. Ledermann, Pfannenstiel 11/o.

*Laval* (Francujo). Oni sendu ĉiujn korespondaĵojn al: S-ro Goupil, 2, grande rue.

*Svjatoŝin* (Rusujo). Ni erare forstrekis el la listoj de la Del. S-ron Polak; li plue reprezentos UEA en ĉi-tiu urbo.

## Eksiĝoj.

*Arcueil-Cachan* (SD.: Dauphin); *Cambrai* (D.: Marissiaux); *Chapareillon* (D.: Bedoin); *Chropin* (D.: Kurz); *Cours* (D.: Durand); *Curlewis* (D.: Bennett); *Hoboken* (D.: Ehnis); *Laval* (D.: Jègu); *Mittweida* (D.: Weikert); *Portsmouth* (D.: Mare); *St-Parras-aux-Tertres* (SD.: Lanzelot); *Wisbech* (D.: Stokes).

# UEA KAJ AVIADO

Dum la jaroj 1910 kaj 1911, kiam lokaj prezentadoj de aviadistoj estis en la modo, kelkaj agemaj Esperantianoj proponis, ke UEA faru specialan kolekton por doni monpremion aŭ oran medalon al Esperantisto transfluganta diversajn landojn, uzante en ĉiu lando la servojn de niaj Delegitoj. La iniciatintoj kunmetis monsumojn kaj esperis, ke kun la tempo la kapitaleto fariĝos sufiĉe granda, ĝis kiam iu aviadisto estos plenuminta por tiu epoko la nefacilajn kondiĉojn de la konkurso. Sed, pro la ne antaŭvideble rapidega disvolviĝo de la aviada arto la aferoj turniĝis alimaniere; baldaŭ la pli-malpli oficialaj kolektoj por la milita aerveturado forgesigis la modestan entreprenon de UEA, kaj la premioj je la dispono de la sportaj societoj k. t. p. atingis sumojn tiel altajn, ke niaj kelkaj frankoj ne plu povis allogi iun konatan aviadiston. Pro tio la mono restis en la kaso de UEA.

Plezure ni informas nun la donacintojn kaj aliajn Esperantianojn, ke dank' al speciala okazo, oni povis uzi la premion en utila maniero. Dum la Berna Kongreso, estis la lastan dimanĉon, festo sur la monto Gurten kie, je la kvara vespere, vizitis nin aeroplane la aviadisto Oskar Bider.[1] Li flugis laŭ peto de la organiza komitato; lia alveno kaj forflugo, post kiu li faris kelkajn belajn rondojn super niaj kapoj estis unu el la plej interesaj allogaĵoj de la tuta kongreso. Ĉiu lin admiris, por multaj kongresanoj li estis eĉ la unua aviadisto, kies alteriĝon kaj aparaton ili vidis dum sia vivo.

Konsiderante, ke S-ro Bider kun sia mekanikisto tute speciale kaj senpage entreprenis tiun flugadon por la kongresanaro, ĝojigis ĉiujn ĉeestantojn kaj per sia ago propagandis por la kongresoj, UEA decidis doni al li la premion. Ĝi konsistas el ora medalo kun la kapo de Zamenhof kaj surskribo, la alia flanko montras la dediĉon: Universala Esperanto-Asocio al aviadisto Oskar Bider, 31. de Aŭgusto, 1913. Ĉirkaŭ tiu medalo, kiu troviĝas en leda ujo, estas arangâtaj en formo de esperanta stelo kvin novaj ormoneroj de dudek frankoj. La donaco estis al li transdonita la 16. oktobro kaj poste dum kelkaj tagoj montrita al la publiko en la fenestrego de konata magazeno. Ni uzas ankaŭ la okazon por danki S-ron R. de Saussure, kiu bonvolis permesi la uzon de ŝtalaj stampiloj al li apartenantaj.

Kiel dirite la premio ne estis donata konforme al la kondiĉoj siatempe fiksitaj, sed, ĉar ili ne plu estas aplikeblaj nuntempe, ni kredas esti farintaj per la mono al ni donacita uzon indan je ni mem kaj je la celado, kiun ni volis subteni.

[1] Oskar Bider estas la plej konata nuntempa svisa aviadisto. Li estas speciale fama pro siaj mirindaj flugoj super la Alpoj. Li, la unuan fojon, superflugis la Bernajn Alpojn. En alia vojaĝo li en unu sola flugo superpasis la Bernajn kaj Valezajn Alpojn (Berno-Milano) kaj revenis superflugante Gothardon (Milano-Basel). Li ĝis nun havas la mondan rekordon pri la montaj superflugoj. *Red.*



# Niaj propagandiloj

Ni havas la plezuron anonci al niaj Delegitoj kaj membroj, ke por plifaciligi ilian propagandadon, UEA decidis malaltigi la prezon de la nacilingvaj propagandaj folioj pri nia Asocio. Tiuj folioj, falditaj en broŝura formo de 8 paĝoj, enhavas informojn pri UEA kaj Esperanto. Ili estas tre taŭgaj por disdonado ĉe paroladoj, festoj, aŭ por individua propagando.

Prezo:

| | | |
|---|---|---|
| 100 ekzempleroj (afranke) | Fr. 0. 75 | (Sm. 0. 30) |
| 500 „ „ | „ 3. — | ( „ 1. 20) |

La folioj ekzistas en *angla, franca,* aŭ *germana* lingvo. Oni mendu ilin de la Centra Oficejo de UEA, kunsendante la necesan monsumon.

# Gvidfolioj kaj gvidlibroj

**Gvidfolio** celas liveri al la vojaĝantoj la plej urĝajn informojn pri iu difinita urbo, ĉu el Esperantista, ĉu el ĝenerala vidpunkto. Ĝi enhavas: 1e la adreson de la Delegito kaj de la konsuloj; 2e la adresojn de la lokaj Esperantistaj grupoj, se estas, kaj iliajn kunvenejojn; 3e la adresojn de la firmoj kaj hoteloj rekomendataj al Esperantianoj; 4e kelkajn informojn pri la vizitindaĵoj, distraĵoj, prezo de la komunikiloj k. t. p.

Ekzistas ĝis nun gvidfolioj en la jenaj urboj[1]:

**Aŭstrio-Hungario:** *Bozen-Gries, Budejovice, Jindrichuv Hradec Kladno, Praha, Prostejov, Roznov.*

**Belgujo:** *Spa.*

**Bulgarujo:** *Sofia.*

**Britujo:** *Bath, Cheltenham, Cromer, Letchworth, Liverpool, London, Portsmouth.*

**Danujo:** *Aarhus, Kopenhag.*

**Finlando:** *Kotka.*

**Francujo:** *Beaune, Bordeaux, Calais, Dijon, Grenoble, La Rochelle, Louhans, Poitiers, Roye, Tours, Vienne.*

**Germanujo:** *Bamberg, Berlin, Breslau, Dresden, Elberfeld, Hannover, Kiel, Königsberg, Krefeld, Leipzig, Merseburg, München, Rostock, Stuttgart, Weinböhla.*

**Hispanujo:** *Cartagena, Madrid, San Sebastian, Sevilla.*

**Rusujo:** *Kiew, Moskvo, Odessa, Peterburgo, Saratov, Varsovio, Vladivostok, Viŝni-Voloĉok.*

**Svedujo:** *Stockholm.*

**Svisujo:** *Davos, Genève, Le Locle, Rorschach.*

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Prezo:* 1 ĝis 10 ekz. | *10 ct.* | ( 4 sd.) | Por membroj de UEA. |
| 11 „ 25 „ | *25* „ | (10 „ ) | |
| 26 „ 50 „ | *50* „ | (20 „ ) | |
| Plena kolekto (kun la Universitataj gvidfolioj) | *75* „ | (30 „ ) | |

[1] Grupoj, societoj aŭ Delegitoj dezirantaj eldoni gvidfolion legu la klarigojn sur paĝoj 37—38 de la *Oficiala Jarlibro de UEA.*

Oni povas mendi ekz. de sama aŭ de malsamaj urboj laŭvole. Oni pagu per poŝtmandato, transpagilo, respondkuponoj aŭ respondpoŝtkarto 10 ct. Naciaj poŝtmarkoj, krom svisaj, ne estas akceptataj.

La supraj prezoj valoras *nur por la membroj de UEA*, kiuj ĉe la mendo notu sian membronumeron.

* * *

**Universitata gvidfolio** celas utili al la studentoj, kiuj deziras veturi eksterlanden por kompletigi siajn studojn en alilanda universitato. Ĝi enhavas informojn pri la Universitato (programo, kosto, studkondiĉoj), pri loĝejoj por studentoj, pri libertempaj kursoj por alilandanoj k. t. p.

Ĝis nun ekzistas tiaj gvidfolioj en la jenaj urboj:

*Dijon, Grenoble, Innsbruck, Milano, Nancy, Peterburgo, Poitiers.*

*Prezo:* Plena kolekto *25 ct.* (10 sd.) por membroj de UEA.

* * *

**Gvidlibro** celas konigi difinitan regionon kaj priskribi ĝiajn allogaĵojn.

I = ilustrita; R = resumo Esperanta.

La C. O. de UEA liveras afrankite gvidlibrojn de la enaj regionoj laŭ la flanke montritaj prezoj [1]:

| | Ct. | Sd. |
|---|---|---|
| **Aŭstrio-Hungario** | | |
| *Franzensbad* (16 paĝ. 13×19,5. I) | *10* | 4 |
| *Krakow* (68 paĝ. 12×16. I) | *15* | 6 |
| **Belgujo** | | |
| *Antverpeno* (32 paĝ. 12×16,6. I) | *10* | 4 |
| **Britujo** | | |
| *Edinburgh* (32 paĝ. 11×15,5. I) | *15* | 4 |
| *Hastings* kaj *St. Leonards* (8 paĝ. 12×18. I) | *15* | 4 |
| **Finnlando** | | |
| *Vojaĝado en Finnlando* (64 paĝ. 12,5×18. I) | *25* | 10 |
| **Francujo** | *Ct.* | Sd. |
| *Tra la lando Anjou* (8 paĝ. 11×19. I) | *10* | 4 |
| *Rouen* (107 paĝ. 9,5×12,5. I) | *70* | 28 |
| *Vichy-Gvidlibreto* (24 paĝ. 14,7×9. I) | *10* | 4 |
| **Germanujo** | | |
| *Augsburg* (12 paĝ. 10,7×16,6. I) | *10* | 4 |
| *Bad Reichenhall* (32 paĝ. 11,5×16,3. I) | *10* | 4 |
| *Breslau* (24 paĝ. 11,5×16,5. I) | *10* | 4 |
| *Tra Dancigo* (16 paĝ. 11,5×16,5. I) | *10* | 4 |
| *Düsseldorf am Rhein* (24 paĝ. 12,3×22,2. R) | *10* | 4 |
| *Vizitu Esslingen apud Neckar!* (8 paĝ. 12×21,5. I) | *10* | 4 |
| *Stuttgart* (52 paĝ. 11,5×16. I) | *15* | 6 |
| *Weinböhla* (52 paĝ. 12,8×18,2. R) | *15* | 6 |
| *Wernigerode-Hasserode* (8 paĝ. 11×19. I) | *10* | 4 |

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *Krestanof*, Esp-iano en Dijon, esprimas siajn plej korajn danksentojn al S-roj Romano kaj Kovalevskij, Esp-ianoj en Parizo, ges-roj Souazay, Del. Chartres, ges-roj Pillault, Del. Orléans, S-ino Etienne, Del. kaj S-ro Faucher, grupa prez. en Blois, S-ro Grosjean, grupa prez. kaj ges-roj Ferran en Tours, ges-roj Muffang en Angers kaj ges-roj Mariette, Del. en Hennebont, por iliaj tiel afablaj helpoj, servoj, akcepto kaj gastamo dum sia paroladvojaĝo tra ilia bela lando.

[1] Societoj eldonintaj gvidlibron kaj dezirantaj partopreni en tiu servo bonvolu sin turni al la C. O. de UEA.

.·. S-ro *A. Pla*, Esp-iano en Barcelona, dankas kore S-ron J. Domenech, Del. en Gerona, pro la bona akcepto kaj la utilaj informoj.

.·. S-ro *F. Schwarz*, Esp-iano en Thun, kore dankas S-ron Chr. Sostmann, Del. en Berlin, pro bonegaj informoj pri la multobligilo „Opalograph". Saman dankon li esprimas al S-ro Th. Roniger, Del. en Le Locle, por informoj koncerne la horloĝindustrion.

.·. S-ro *N. Riŝkov*, Del. en Kursk, kore dankas al S-ro V. Traĉevskij, konsulo por turistoj en Kiev, pro afabla akcepto en la stacidomo, kaj S-ron J. Borodkin, konsulo por komerco, pro lia speciala helpo.

.·. S-ro *Marseille*, Subdel. en Parizo, tre dankas S-ron P. Blaise, Kvart. Del. en London, S-ron M. Pearson, Del. en Sheffield, S-ron Avarez, Esp-iano en Liverpool, pro afabla helpo ĉe la alveno en iliaj urboj.

## El Shanghai

Mi restas vivanta! Dum du monatoj mi ne estis en Ŝanhajo, ĉar antaŭe mia loĝejo estis ruinigata de kugloj, kaj la endomaĵoj estis rabataj plejparte altvaloraj. Pardonu! se vi ne ricevis respondon rapide, aŭ ĝis nun de mi. Tio estis kaŭzata de eksterordinara malfeliĉo. Mi sciigas al samideanoj, ke post 22 septembro ĉio estas jam reordigita, kaj mia nova adreso estas: 200 Shantung Rd., Shanghai.

*K. Ĉ. Ŝan.*

# Alvokoj

Pro la kreskanta nombro de artikoloj por tiu rubriko, ni estas devigitaj alpreni la jenajn regulojn, al kiuj niaj korespondantoj bonvolu alkonformiĝi:

1-e Ni enpresos en tiu rubriko nur alvokojn aŭ petojn havantajn ĝeneralan intereson je la vidpunkto de Esperanto aŭ de UEA. La notojn, kiuj havas karakteron de reklamo speciale por iu komercajo, eldonaĵo, urbo, ni akceptas nur kiel pagatajn anoncojn. Ili tiuokaze aperos en la parto speciale rezervata por la reklamo.

2-e Ni enpresos nur la alvokojn, kiuj estas sendataj de Esperantianoj aŭ Esperantiaj Entreprenoj.

3-e La redakcio rezervas al si la rajton resumi tiajn artikolojn.

*La redakcio.*

## Esperantistaj Fizikistoj kaj Ĥemiistoj

Antaŭ ne longe fondiĝis interne de Internacia Scienca Asocio Esperantista sekcio de Fizikistoj kaj Ĥemiistoj, kiu intencas montri praktike la utilecon de Esperanto por sciencaj celoj.

Ĝi jam organizis servon de sciencaj tradukoj kaj povas de nun doni tradukojn laŭvortajn aŭ resumajn de dekkvin diversnaciaj sciencaj gazetoj. En diversaj grandaj urboj, ĝi elektis delegitojn, kiuj plifaciligos la ĉiuspecajn rilatojn de siaj membroj kun la lokaj industriaj aŭ sciencaj institucioj.

Ĝi havis dum la Bern'a Kongreso veran sciencan kongreseton por kiu tri komunikaĵoj estis speciale preparitaj:

1e *Pri la magnetoptikaj fenomenoj* de S-ro Cotton.

2e *Statistikoj de la resumoj en la Ĥemia literaturo* de S-roj McKelvy kaj Whitmarsh.

3e *La Internacia komisiono de Elektrotekniko* de S-ro Jouaust.

Fine ĝi esperas ke, dank'al sia praktika scienca laboro, ĝi sukcesos interesi la sciencajn mediojn, kaj enkonduki Esperanton en la internaciaj sciencaj kongresoj.

La Esperantistaj Fizikistoj kaj Ĥemiistoj estas insiste petataj sendi sian aliĝon al S-ro *P. Dejean, 18, rue de Lyon, le Creusot*, sekretario de la sekcio por 1913—1914. (Neniu speciala kotizo estas postulata.)

La nesciencistaj Esperantistoj estas petataj sendi al la sekretario la nomojn de la interesotaj esperantistaj sciencistoj, kiujn ili konas.

## Sud-Orienta Francujo

La Distrikta Delegito de S.-O. Francujo informas ĉiujn Del. de la distrikto, ke baldaŭ komencos la irado de la rondiranta kajero; li petas tiujn, kiuj deziras partopreni tiun kajeron, ke ili sendu sian

aliĝon antaŭ la 15 novembro al la adreso: E. Gabert, Recette Municipale, Hôtel de Ville, St-Etienne (Loire).

La rondanoj, kiuj ne plu intencas daŭrigi sian partoprenadon bonvolu ankaŭ informi.

## Turistaj informejoj

La „Oficiala Oficejo por senpagaj Informoj“ en Bruselo eldonis tre belan, artoplenan afiŝon. Ĝi estos sendata senpage al ĉiu Grupo, kiu petos ĝin, promesante montri ĝin ĉe sia kunvenejo.

La Del. de UEA estas petataj instigi siajn lokajn turistajn informejojn por ke ili interŝanĝu siajn eldonaĵojn kun tiu de Bruselo. Sin turni al: Bureau Officiel de Renseignements gratuits pour la Ville de Bruxelles, 19, Passage du Nord, Bruxelles (Belgujo).

## Filatelistoj

La famekonata inter filatelistoj firmo Gebrüder Senf en Leipzig forigis en la lastaj eldonoj de sia katalogo la „traduktabelon“ en germana, franca, angla kaj Esperanta lingvoj, kiu servis por negermanoj kiel komprenigilo de la germana teksto. En la nuna eldono 1914 troviĝas rimarko, ke ĉiuj personoj dezirantaj havi tiujn traduktabelojn povas ilin ricevi senpage. Estus bone se la Esperantistoj postulus la Esperantan tabelon por montri al la firmo la valoron de nia lingvo.

*Petersburg.*

## Esperantistaj Framasonoj

La 30 aŭgusto fondiĝis en Bern la *Universala Framasona Ligo,* kies celo estas pliintimigi la rilatojn inter la FFr. de la tuta mondo. La sola oficiala lingvo estas Esperanto de D-ro Zamenhof. Estas nepre necese, ke ĉiuj Esperantistaj framasonoj tuj aliĝu al tiu ne pure Esperantista ligo, ĉar ĝi povas fariĝi tre grava por la Esperantomovado. La jara kotizo estas 1 Sm. Oficialaj organoj estas la „Bultenoj“ de la „Mondoficejo“ en Neuchâtel, kiuj regule havas Esperantan parton, kaj la gazeto „Homaro“. La estraro ĵus elektita konsistas el:

Prezidanto: Fr. *Senatano D-ro de Magalhaes Lima, Lisboa,* Gr. M. de l'Gr. Or. de Portugalujo.
1. Vicprez.: Fr. *Kolonelo Pollen, London,* Eks-Provinc. Gr. M. de Hindujo.
2. Vicprez.: Fr. *Prof. Boucon, Annecy* (Francujo).
Sekretario: Fr. *D-ro med. Uhlmann, Zihlschlacht* (Svislando).
Kasisto: Fr. *D-ro Hederich, Kassel* (Germanujo).

La iama societo „Esperanto Framasona“ dissolviĝis kaj kunfandiĝis kun la nova tutmonda ligo.

Oni sin tuj anoncu al la kasisto, sendante la jaran kotizon. Oni ankaŭ diskonigu nian gravan ligon en la vicoj de la neesperantistaj framasonoj, kiuj estas kore akceptataj. La kono de la lingvo ne estas postulata, sed nur dezirata, do povas aliĝi ĉiu, kiu aprobas la ĉefan celon de pliintimigo inter tutmondaj FFr. sur la bazo de neŭtrala lingvo.

*D-ro Uhlmann.*

## Al la donantoj de Esperanta literaturo!

La redakcio de la Bamberga ĉefgazeto, kiu havas pli ol 20.000 abonintojn, promesis al mi publikigi recenzojn de nove aperantaj Esperantaj libroj skribotajn de mi. Eldonantoj, kiuj deziras, ke iliaj eldonaĵoj estu recenzataj en la nomita gazeto, bonvolu sendi la librojn senpere al mi. La librojn mi transdonos poste al la biblioteko de la ĉitiea Esperanto-unuiĝo. Pruvnumeron mi ĉiam volonte transsendos.

*Karl J. Loy,* dipl. de G. E. A.,
Ludwigstr. 1¹, *Bamberg* (Germanujo).



# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *bildflanko.*

AREZZO (Italujo). — S-ro Leo Cartocci, strato de l'Orto 18, PI. (kun eksterlandanoj).

ASTRAĤAN (Rusujo). — S-ro Petro Ĵivulin, 2 Sapoĵnikovskij per 13, fotografisto, PI. (kun ĉiuj landoj).

BELOGRADĈIK (Bulgarujo). — S-ro subleŭtenanto D. Guénoff, 15 infant. regim., 1-rota, PI. (kun samideaninoj; dez. ricevi esp. gazetojn, interŝanĝi orajn monerojn de la tuta mondo, fotografaĵojn, notojn por forte piano, violono; memoraĵojn ktp., koresp. france kaj Esp.).

BERLIN (Germanujo). — S-ro Karl Behrle, Stralauer Allee 20, Berlin O. 17, (pri Universala Homara Unio).

BERLIN (Germanujo). — S-ro Edmund Himmelstoss, komercisto, S 59, Kottbuserdamm 21/III, PI., PM., L.

BEROUN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Ant. Raz, instruisto, III. Vrchlického str. 70., L., PI., bfl. (al ĉiu neeŭropano sendados ĉiam du PI., nepre respondas).

BEROUN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-roj Jos. Hrdliĉka, 89-I., kaj Fr. Svoboda, 125-I., PI., bfl.

BRNO (Aŭstrio, Moravio). — S-ro K. Löffler, Tivoligasse 41, PM., PI., bfl. (kun ĉiuj landoj).

BRUSELO (Belgujo). — S-ro W. Lamberts, poste restante Nord, PI., PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

BUDAPEST (Hungarujo). — S-ro Gustavo Laszlovzky, VI. Vaci-ut 109, PI.

CHOLET (Francujo, M. et L.). — S-ro Ch. Sichet, 12, rue des Vieux-Greniers, (kun ĉiuj landoj).

CRONENBERG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Herm. Wolfertz, instruisto, PI., PM. Esp. ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

DANZIG (Germanujo, Westpr.). — F-ino Gertrude Gast, Kaninchenberg 14/I, PI. bfl. (kun ĉiuj landoj krom Germanujo).

DARMSTADT (Germanujo). — F-ino Chr. Hartmann, Waldstr. 24, PI. bfl.

DRESDEN 7 (Germanujo). — S-ro H. Müller, poŝtoficisto, PI., PM. (kun ekstereŭropanoj).

DRESDEN 19 (Germanujo). — S-ro R. Boberrach, PI., L. (respondas tuj).

DRESDEN 10 (Germanujo). — S-ro Fredo Delly, PI., PM. (kun ekstereŭropanoj).

DRESDEN (Germanujo). — S-ro Edw. Seifert, Augsburgerstr. 37, PI., L. (respondas tuj).

DRESDEN (Germanujo). — S-ro K. Ziegler, Wilsdrufferstr. 40/IV, PI, (respondas tuj).

DUESSELDORF (Germanujo, Rheinpr.). — S-ro L. Löhl, Mülheimerstr. 5, PI. (kun ĉiuj landoj).

FUNCHAL (Portugalujo, Madeira). — La Esp. Grupo „Madeira Verda Stelo“ deziras konatiĝi kun la aliaj eksterlandaj grupoj per korespondado de PK. aŭ L. Adreso: Rua da Silva Carvalho 6, Funchal.

GENÈVE (Svisujo). — F-ino Amélie Ring, 6, rue Dubois-Melly, PI.

IRKUTSK (Siberio). — S-ro Modest Usov. Raboĉaja Sloboda, Naberejnaja r. Uŝakovki 27, PI., L., bfl. (kun ĉiuj landoj pri diversaj temoj).

JINDRICHUV HRADEC (Aŭstrio, Bohemujo) — S-ro Janku Oldrich, studento, L., PM., PK., PI., bfl. (naciaj kostumoj, ruinoj, belegaj vidaĵoj de urboj, kasteloj, ktp.; kun ĉiuj landoj, precipe kun Ameriko, Afriko, Azio, Aŭstralio).

KRASNOJARSK (Siberio). — S-ro A. E. Stabrovskij, Nikolaevskaja slob., N-Ĉeĥovaja str., d. N-ro 3., PI., L. (kun ĉiuj landoj, pri ĉiuj demandoj).

MATOSINHOS (Portugalujo). — F-ino D. Maria José Allen do Souto, Alameda Passos Manoel, PI., bfl. (kolorigitajn).

MONTBÉLIARD (Francujo, Doubs). — S-ro Charles Damade, PM., Pl., bfl. (escepte germanaj, aŭstriaj, hungaraj; nur kvin salutaj vortoj sur Pl.).

MONTBÉLIARD (Francujo, Doubs). — S-ro Achille Hilbrunner, teknika industria lernejo, 13, Rue de Belfort, Pl. bfl.

MONTBÉLIARD (Francujo, Doubs). — S-ro Roger Pourchet, teknika industria lernejo, Avenue Carnot, Pl., bfl.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro A. Prager, poŝta kesto, PM., Pl. (interŝanĝas sigelmarkojn kaj fotografaĵojn).

MOSKVO (Rusujo). — S-ino L. Jakovleff, Preĉistenka Eropkinskij per. dom 7, kv. 7, Pl. (pentraĵoj el galerioj kaj muzeoj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro K. V. Piñaĉev, Smolenskij, bulv., d. Miŝke, kv. 16.

OMSK (Siberio). — S-ro V. Ostrovskij, Slobodskaja 24, Pl.

OREL (Rusujo). — F-ino Kruglikov, poste restante, Pl., K.

OSNABRUECK (Germanujo, Hannover). — S-ro Heinrich Müller, urba oficisto, Rosenplatz 9, PM., Pl., L.

PETERBURGO (Rusujo). — S-ro Aleksandro Razumov, studento-teknologo, Podolskaja 21, kv. 6, Pl., L.

PETERBURGO (Rusujo). — Grupo Esperantista de la Teknologia Instituto korespondas kun ĉiulandaj teknikistoj kaj studentoj.

RIO DE JANEIRO (Brazilujo). — S-ro Odillo Pinto, 2-a Seccâo da Contabilidade dos Telegraphos.

SIDI ABDALLAH OM (Tunizio). — S-ro J. Nicolas.

SIDI ABDALLAH OM (Tunizio). — S-ro E. Elie.

SIDI ABDALLAH OM (Tunizio). — S-ro Désiré Michel.

SLUCK (Rusujo, Minsk. gub.). — Membroj de „Slucka Esperantistaro" deziras korespondi kaj interŝanĝi kun ĉiulandaj samideanoj per L., Pl., PM. kaj gazetoj, naciaj kaj esp. Oni petas skribi al sekretario de l'rondeto: S-ro A. Norkin, Sluck, Minsk. gub. Rusujo.

STANICA STAROPAVLOVSKAJA (Rusujo, Tersk. obl.). S-ro V. Pimenov, Mariinskoje poĉt. Odt., Pl. (kolorigitaj, kaj fotografaĵoj; kun ĉiuj landoj).

SZILAGYSOMLYO (Hungarujo). — Globus Nyomda, librejo, Pl.

TOKIO (Japanujo). — S-ro K. Shirosaki, P. O. Box 3, Koĵimachi, Pl., bfl. (kun ĉiuj landoj).

TURKU (Finnlando). — S-ro J. Ekström, Pl., PM. (nur kun eksterеŭropanoj.

VACZ (Hungarujo). — S-ro Székics Liszlo Pal, Honved-sor 3.

VLADIVOSTOK (Siberio). — S-ro revizoro Aleksandro Pagirev, Krepostnoj Kontrol (Citadela Kontrolo) Pl. (kun ĉiuj landoj).

VYS CHLUMEC (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro E. Dohnal, lernejestro.

ZGIERZ (Rusujo, Polujo). — S-ino Helena Knapska, Pl., PM. (kun ĉiuj landoj; sendas rusajn jubileajn PM.).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ANGLOLINGVA INSTRUO. — Eksprofesoro, fratulo de la Brita Esperanto Asocio, deziras instrui per korespondada kurso la ĝustan anglolingvan legadon kaj verkadon, por malgranda prezo. La plej frua korespondado devas esti nur Esperanta, la posta ankaŭ angla. Adresu demandojn al „Ellerniganto", poŝta kesto 1006, Colorado Springs, Colorado, Usono.

ATENTU! — S-ro Georg Davidov, Rusujo, Saratov, Poŝtkesto 12, aĉetas fotografaĵojn de Esperantistaj Societoj, grupoj, kongresoj, kunvenoj, ekspozicioj, ekskursoj, ĉu apartaj fotografaĵoj, ĉu eltranĉitaj el gazetoj, ĉu faritaj de amatoroj. Volu fari proponojn. Ankaŭ li kolektas sigelmarkojn kaj gazetojn esperantajn.

ATENTU. — Mi eldonis tre belajn fotografaĵojn (4 specojn) pri mia skriboĉambro, la muroj plenaj je esp. afiŝoj. Mi sendas ilin kontraŭ aliaj esperantaĵoj (fotografaĵoj, malnovaj gazetoj, murafiŝoj) aŭ kontraŭ 2 respondkuponoj. *Otto Amon*, sekr. de Esp. Klubo, *Kolozsvar*, Hungarujo, poŝtdirekcio.

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset* Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Petu* senpagan esperantan prezaron de *J. Pion-Muller*, 21, rue de Lorraine, *Beaune* Côte-d'Or, Francujo.

ĈIUJ SPERTAJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke dum festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo nek ŝaŭmanta aŭ neŝaŭmanta vino, nek brando nek biero aŭ alia alkoholaĵo estas necesaj. La vera ĝojo devenas el profundo de l'koro kaj ne bezonas instigilon tiel danĝeran kiel la alkoholo. La kutimo festi trinkante estas kaŭzo de multnombra malfeliĉo.—St.

GRAVA AVIZO. — Juna inteligenta fraŭlo, komercisto, deziras edziĝi kun fraŭlino aŭ juna vidvino, Esperantistino, sen infanoj. Seriozajn proponojn akompanatajn de portreto adresu al „Hotel Harmanli" en Haskovo, Bulgarujo.

GRAVAJ INFORMADOJ PRI BRAZILUJO. — Bonvolu vidi mian detalan anoncon en Jarlibro de UEA 1913. — Delegito de UEA Carlos Chr. Muller, Santos (S. Paolo), Brazilujo.

MANDOLINISTOJ. — S-ro A. Besnard, 26, rue Antoinette, Paris, deziras provi recenzon de mandolinistoj kaj gitaristoj en ĉiuj landoj per Esperanto. Sendu adresojn, li ĉiam respondos per il. poŝtkartoj.

RUSA VORTARO de P. Stojan, laŭ modelo Larousse, enhavas 40 mil vortojn kaj 1300 bildojn. Afrankite kaj rekomendite Sm. 3. 50, bone bindita Sm. 3. 80. Librejo „Esperanto", Lubjanski pr. 3, Moskvo.

WEINBÖHLA. — Ĝardenurbo de Dresden. Agrabla loĝado. Esperantaj prospektoj haveblaj ĉe Magistrata domo (Rathaus), instruisto A. Sohrmann, Kronprinzenst. 5.

## Porcelanon de Karlsbad

Tra la tuta mondo konata vendas plej malkare

K. SCHÖNBACH

PRAHA — Palaco de Generali — AŬSTRIO

Petu senpagajn ilustritajn katalogojn

---

Nur por 1 Sm. ĉiu povas akiri al si belegan elekton da diversaj Esperante ilustritaj poŝtkartoj, mendante ilin nur en

**ESPERANTISTA POŜTKARTEJO**

**de Samuelo ŜULC**

LODZ (*Rusl.-Polujo*), *Konstantinowska, nº 49*

Pagebla ankaŭ per ĉekoj de Ĉekbanko Esperantista. Prezaroj senpage kaj afrankite.

---

## Esperanta Biblioteko Internacia

Tiu ĉi biblioteko enhavas facilajn legaĵojn de ĉiulandaj eminentaj esperantistoj. Ĝi tial bonege taŭgas por ekzercado de la lingvo, ĉu dum la grupaj kunvenoj, ĉu per privata legado. Ĝis nun aperis N-oj 1—24. La kolekto estas daŭrigota.

*Ĉiu libreto enhavas 40—50 paĝojn.*
*Prezo por kajero 0.100 Sm (0.20 M)*
*(duoblaj numeroj 0.200 Sm).*
*Serio da 12 volumoj (afrankite) 1.250 Sm (2.50 M),*
*eksterlanden 1.400 Sm.*

**Studo per Ludo** Kvartet-Ludo por amuzo kaj por lernigi la konversacion en Esperanto. Konsistas el 100 kartoj kun 100 zorgeme elektitaj frazetoj de la ĉiutaga vivo. *Prezo: Sm 0.700 afrankite.*

**Germana Esperantisto** Duonmonata gazeto por la disvastigo de la lingvo Esperanto.

Oficiala organo de Germana Esperanto-Asocio.

| | |
|---|---|
| Eldono A, eliranta la 5an de ĉiu monato, celas la propagandon de Esperanto. | Eldono B, eliranta la 20an de ĉiu monato, estas pure literatura. En ĉiu numero ilustraĵoj. |

**Jara abonprezo por ĉiuj landoj M. 4.80 (2.400 Sm).**
**Ĉiu el ambaŭ eldonoj aparte M. 2.40 (1.200 Sm).**

**Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1,**
Struvestrasse 40.

---

## HUGUENIN FRERES & Cie

LE LOCLE

MEDAILLES —
INSIGNES
BIJOUTERIE —

---

## HOLDEN FRATOJ

liveras Botojn, Ŝuojn, Sandalojn, Pantoflojn, Kaŭĉukajn Ŝuojn, Ŝtrumpojn kaj Ŝtrumpetojn. Ĉiuj ekskluzive laŭ la tipo „Naturformo“



**HOLDEN FRATOJ**

3, Harewood Place, Oxford Circus, London W.

Katalogoj senpage. Oni parolas Esperante.

---



## Inko "Pelikan"

*ĉiulande estas ŝatata, ĉar ĝia perfekta kvalito mirinde agrabligas la skribadon. Havebla ĝi estas en ĉiu bona komercejo. Postulu prospekton esperantan No. 215 pri inkoj, skribrubandoj, karbopaperoj kaj aliaj kontorartikloj de la fabrikanto*

**GÜNTHER WAGNER**
**HANNOVER [GERMANUJO] KAJ VIENO [AŬSTRIO]**

---

## E. J. HOFFMANN — THUN

**Fabrikejo de karton- kaj ladpakiloj**

Specialaĵo: LADDOZOJ sen kaj kun stampo de la firmo faritaj el unu peco kun duobla faldo kaj lutita. Patentskatoloj. — Skatoloj por konservaĵoj. — Mielujoj. — Dozoj por uzadoj en apotekoj kaj ĉiuj aliaj por diversaj uzoj.

**Litografio — Kromo-presado**

por skatoloj kaj reklamafiŝoj. — Reliefaj ŝtampaĵoj.

**Librobindejo kaj kartonaĵoj**

**Mekanika Laborejo**

Telefono — Adreso telegrama: HOFFMANNS THUN

| | | |
|---|---|---|
| Bronza medalo PARIS 1889 | 2 arĝentaj medaloj GENÈVE 1896 | 2 oraj medaloj THUN 1899 |

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO